

BRAZILA ESPERANTISTO OFICIALA ORGANO DE BRAZILA ESPERANTO-LIGO

93a jaro
N-ro 314
Februaro 2001

# BKE de la jarmilo

Brasília atendas vin por grandioza evento

# Brazila kroniko

Sciu kio okazas kaj kiu okazigas kion tra Brazilo esperantista




# Intervjuo

Gersi Bays, la brazila fonto de bonaj libroj

# Merlin

Ĉu talento sufiĉos por venkigi la trupon?




*Libroj eldonitaj de*




Fonto




***Nombroj*** *Biblia Libro* **R$12,00** ***Aktuala Metodo de Esperanto*** *Geraldo Mattos* **R$12,00**
***Inocenta*** *Algredo Déscragnolle Taunay* **R$19,00** ***Kulturo Kaj Internacia Lingvo*** *William Auld* **R$19,00**
***Ili kaptis Elzan*** *Johán Valano* **R$9,00** ***Joĉjo Mulato/La maskoj*** *Menotti Del Picchia* **R$9,00**
***Vivoj Sekaj*** *Graciliano Ramos* **R$12,00** ***Siksto kaj Sesto*** *Heinrich Federer* **R$12,00**
***Hetajro Dancas*** *Eli Urbanová* **R$27,00** ***La Rabeno de Bacherach*** **R$9,00**
***Antologio Latina 1*** *Gerrit Berveling* **R$21,00** ***La Luzidoj*** *Camões* **R$42,00**
***Facila Skeĉ-Albumo*** *Bertram Potts* **R$12,00** ***La Deveno de Esperanto*** *Geraldo Mattos* **R$9,00**
***Antologio Latina 2*** *Gerrit Berveling* **R$21,00** ***La Robaioj*** *Umar Kajjam* **R$18,00**
***Gerda malaperis*** *Claude Piron* **R$5,00** ***Norda Odiseado*** *Jack London* **R$9,00**

DIM

***Brazila Esperanto-Ligo*** *Caixa Postal 03625 70084-970 Brasília – DF bel@esperanto.org.br*

*Mendeblaj ankaŭ ĉe*

*Membroj de BEL ĝuas rabaton je 10% kaj ne pagas sendokostojn. Ne membroj pagas sendokostojn*

*Universala Esperanto-Asocio kaj ĉe la plej bonaj libroservoj tra la tuta mondo.*

*Nepre mendu la kompletan katalogon de Fonto Revendistaj rabatoj por libroservoj*

*Ĉe BEL oni povas pagi ankaŭ per Visa-kreditkarto*

# Enhavo



## Kovrilo



Nia kovrilo de nun reliefigos la ĉefan raporton de ĉiu numero. Do, jen Merlin, talentohava trupo. La 37-a BKE estas alia enfazinda enhavero, kune kun la bunta Brazila Kroniko kaj la intervjuito Gersi Alfredo Bays.

### Pri la nuna numero

## Svarmas demandoj

Karaj gelegantoj, por ni tre gravas, ke vi reagu antaΩtute novaspekta Brazila Esperantisto. Ni klopodis trovi ekvilibron inter movadaj kaj ne movadaj temoj. Ĉu ni sukcesis?

Ni atentigas vin speciale pri la raporto pri Merlin. Kion ni povas fari, por ke tiu talenta ensemblo ne malaperu? Ĉu vi ŝatis la foto-eseon pri la karnavalo? La bildhistorion? Kio pri Brazila Kroniko?

Nu, en tiu nia unua numero de nova etapo de la oficiala organo de Brazila Esperanto-Ligo, en la kapo de la ĉefredaktoro estas pli da demandoj ol respondoj. Helpu lin respondi ilin.

# Nova jarcento defias nin

Nun estas fakto, ne blago. Nova jarcento naskiĝis kaj promesas alporti pliajn mirindaĵojn sur la kampo de scienco, bioteknologia elstaro.Ne necese estas memorigi pri Interreto, pli vaste pri teknologio de informado.

Aliflanke, tamen, ni ne forgesu la senĉesajn militojn ŝakale flegataj de la armilarindustrio el la "civilizita mondo", kies diplomatoj buŝe predikadas pri paco, dum la nacia egoismo kaj la profitego fontanta el la vendado de armiloj estas ja la reĝisoroj de la praktika vivo.

Malsatego en Afriko, daŭra minaco en Latinameriko kaj Azio pri nova ekonomia krizo kaj tiel pluoj. Bunte pentriĝas la nova jarcento, graveda je espero pri nova erao, pri ia nova civilizacio de la tria jarmilo. Kiuj kredas je tio? Ĉu nur mistikuloj kaj naivaj idealistoj?

Ni, esperantistoj, certe iagrade kredas je tio, sed ni ne estu naivuloj tamen: konkeroj ne falos el la ĉielo. Paradizo per fina venko de la neŭtrala lingva fundamento aŭ simple raŭmisma ĝuado ne estos realaĵo estos por la mondo, se ni rifuzos ŝanĝi la kalendaron, kiu nuntempas en nia kapo kaj meti brikon post briko konstrucele al nova movado, per pli efikaj rimedoj.

Jen do ni estas antaŭ la dio de la tempo, kiu ĉikane defias nin, ĉar li scias, ke ordinare ni estas konservativaj kaj feblaj, kio igas nin treege alkroĉitaj al la malnovaj ideoj. Kaj kiel diris John Cage, ni ne devas timi la novajn ideojn, sed la malnovajn.

Nu, ni ŝanĝu nian internan kalendaron. Povos esti, ke tio sole ne igos nin pli kompetentaj, pli kreivaj, pli kuraĝaj, pli entreprenemaj kaj pli zamenhofaj, sed tio garantios, ke almenaŭ ni ne enlistiĝos paradokse kiel internaj malamikoj de Esperanto.




**Brazila Esperantisto**

Oficiala Organo de Brazila Esperanto-Ligo • Fondita en 1907 de Alberto A. Vieira, Reynaldo Geyer kaj Everardo Backheuser

93-a Jaro • Januaro - Februaro - Marto 2001 • N-ro 314

Aperas trimonate

**Eldona Stabo**

**Ĉefredaktoro** Fabrício Valle **Konstantaj kunlaborantoj** Adonis Saliba, Cícero Gabriel Soares **Ĉi-numeraj kunlaborantoj** James Piton, Carlos Maria, Floriano Pessoa, Aloísio Sartorato, Lício de Almeida Castro, Julio Calegari, Neuza Priscotin Mendes, Henrique Mendonça, Luiz Antônio Pereira, José Pacheco, Jader da Silva, João Aguilera

**Grafika aranĝo kaj enpaĝigo** Elison de Novais Simas **Grafika asistado** Luciana Nascimento Maria

**Korespondantoj en Ameriko** Roberto Sartor (Argentino) **Revizio kaj tradukado** Jimes Milanez, Carlos A. Pereira, Francisco Mattos, Valério Rodolfo

Redakcio ĉe BEL-sidejo

La ĉefredaktoro ne nepre konsentas kun la enhavo de subskribita artikolo

Abonebla ĉe UEA kaj ELNA

Brazila Esperanto-Ligo 

Fondita en 1905

**Sidejo** Ed. Venâncio III - Sala 307, Setor de Diversões Sul **Poŝtadreso** Caixa Postal 03625, 70084-970 Brasília - DF

**Telefono** (0xx61) 226 1298 **Fakso** (0xx61) 226 4446 **Retadreso** bel@esperanto.org.br **Hejmpaĝo** www.esperanto.org.br

**Estraro**

**Prezidanto** Osvaldo Pires de Holanda **Vic-Prezidanto** José Carlos Dorini Ramos

**1-a Sekretario** Maria Delza Macabu **2-a Sekretario** Aymoré Vaz Pinto **3-a Sekretario** Adirson Messias Lima

**1-a Kasisto** Maria das Graças Mundim dos Santos **2-a Kasisto** Octávio de Almeida Filho

**Kontrola Konsilantaro**

Jorge Duarte de Oliveira Filho, Sérgio Néry da Mata, Waldir Antônio Silvestre **Anstataŭ antoj** - Maria das Dores Góes, Judith Maria Ferreira Barata, Omar Vieira Cortes

**Prezidanto de la Federacia Konsilantaro**

Glória Lúcia Perine

**Komitatanoj A**

James Piton kaj Symilde Schenk Ledon

**Ĉefdelegito de UEA**

Symilde Schenk Ledon

# Gersi Alfredo Bays

*Eldoni E-librojn estas unu el la plej gravaj taskoj, kiun movadano entreprenu. En Brazilo, kie sindediĉaj esperantistoj ĉiam sin donis al tiu tasko, Gersi Alfredo Bays estas el ili la plej fruktodona. Ververe, lia eldonejo Fonto fariĝis kolono de la monda Esperanto-movado, kaj tio ne estas fanfarona aserto, sed konkludo nerefutebla surbaze de faktoj, aŭ alivorte de libroj kaj beletra revuo. Jen do intervjuo kun brazila fonto de bonaj libroj:*

**BE** Monde konata kiel eldonisto, vi ĵus debutis kiel verkisto, per via romano *La profeto el Pedras*. Kial vi decidis enpaŝi en tiun novan vojon?

**Gersi Bays** Ĉu vere mi estas monde konata eldonisto? Nu, mi ne decidis, tio simple okazis kaj dank' al instigo de amikoj. Mi jam estis laca legi librojn kiuj fakte ne estas romanoj kaj kiuj pli multe parolas pri Esperanto. Mi volis normalan rakontadon, per normala lingvo, kun la deziro doni plezurigan legadon. Cetere, kial vi parolas pri nova vojo? Ĉu vi kredas, ke de nun mi fariĝos verkisto? Eble mi estos aŭtoro de nur unu libro!


Foto: Pato Branco

**BE** Kiel venis al vi la ideo verki romanon?

**Gersi Bays** Eble kulpas mia amiko William Auld. Mi legis (mi ja kompostis la verkon) lian priliteraturan verkon *Vereco, distro, stilo* pri nia Esperanta prozo.

Nu, eĉ ne estas necese legi la tutan verkon, la titolo jam instruas ĉion: romano devas rakonti verece, distri la legantojn kaj havi stilon. Mia romano ja estas vereca (grandparte ankaŭ historie vera), certe vi trovos distron, kaj laŭ opinio de aliaj verkistoj, la rakontado fluas agrable. Do, bonan legadon al ĉiuj legantoj de Brazila Esperantisto!

**BE** Ĉu la E-literaturo evoluas kontentige?

**Gersi Bays** Mi certe devus esti optimisto, ĉar mi eldonas librojn. Sed kie estas niaj legantoj? Nia eldonnombro estas mizera. Kiel evoluigi nian literaturon?

**BE** Nu, kio pleje mankas por la plena maturiĝo de la esperantista libro-merkato: ĉu legantoj, ĉu distribuantoj kaj libroservoj?

**Gersi Bays** Tute certe mankas nur legantoj. Ĉiam pli multaj verkoj eldoniĝas, distribuantoj kaj libro-servoj multas kaj bone funkcias.

Do...

**BE** Pro via agado kiel eldonisto vi gajnis la premion FAME kaj ĉies admiron kaj respekton. Ĉu eldoni librojn en Esperanto estas finance kompensiga agado? Ĉu jam eblas profesia laboro – kaj sekve vivtenado – sur tiu kampo?

**Gersi Bays** La premio FAME (kaj ankaŭ Premio Grabowski!) estas vere honorigaj agoj fare de instancoj kaj amikoj rekone pro mia laboro sur la eldona kampo.

Sed mi neniel vidas la eblecon pri finance kompensiga agado, male! De la komenco de mia eldonagado mi ĉiam atendas la revenon de la investita mono por la eldonado de plia verko (normale estas kelkaj dekoj atendantaj sian vicon!). Mi jam diris: iam mi (eble) gajnos monon: kiam mi ne plu eldonos novan titolon kaj vendos po-ete, dum multaj jaroj la tutan restantan stokon.

En la komenco de mia eldonista agado mi ja gajnis monon per kompostado, kiam mi

havis komputilon (kaj tiam tio estis vera escepto). Sed mi plej multe gajnis per kompostado de nacilingvaj gazetoj (eĉ kvar ĉiusemajne!). Kaj ankaŭ tiun tutan monon mi investis en la eldonan agadon. Se estus pli multaj aĉetantoj (ĉu samtempe legantoj?), mi povus facile eldoni du novajn titolojn ĉiumonate.

**BE** Kiujn librojn vi preferas eldoni?

**Gersi Bays** Ĉar mi amas literaturon, do nur pri tio mi kompetentas (ĉu vere?), tial mi eldonas nur literaturajn verkojn, kaj preferinde klasikajn. Kial? Ĉar Esperanto nepre devas havi ĉiujn plej valorajn verkojn de ĉiu aparta lingvo. Vidu, ni havas tradukon nerimitan (malmult-valoran) de *La Dia Komedio,* ĝis nun nur la unua kantiko (Infero) estis arte tradukita. Nur nun aperas arta traduko de Purgatorio, kiu ja estis tradukita en 1955 (jes, antaŭ preskaŭ duonjarcento!). Kaj kiam, finfine, ankaŭ Paradizo aperos en nia lingvo, por kompletigi la tutan verkon? Pensu pri literaturo el Portugalio, ho ve, kion ni havas ĝis nun? *La Luzidoj* kaj ??? Do nun aperos *La gardisto de brutoj* de Fernando Pessoa. Kaj kio poste? Kiu tradukos? Kiu eldonos? Kiu aĉetos? Kiu legos? "Floras la literaturo, floras ĉio, falos la literaturo, falos ĉio." Kiu diris tion? Jes, ja, Zamenhof! Mi eldonas ankaŭ bibliajn librojn (pensu pri la 5 libroj de la katolika eklezio kaj aliaj!), mi mem eldonas ilin el literatura vidpunkto. Se iu legos ilin religie, do bone! Sed ĝis nun ni ankoraŭ ne posedas la tutan biblion!

Mi krome eldonas lingvo-instruajn verkojn. Sciencajn verkojn aliaj pli kompetentaj eldonu.

**BE** Vi eldonas ankaŭ monatan literaturan revuon Fonto. Kio pri ĝi?

**Gersi Bays** Literatura revuo nepre estas necesa por nia lingvo. Kiam mi lanĉis ĉi tiun revuon, ja ne ekzistis bona literatura revuo (Literatura Foiro tiam estis tajpitaĵo), la nica literatura revuo (tiel, minuskle) kaj Norda Prismo estis mortintaj, se ne paroli pri Literatura Mondo. Post Fonto naskiĝis aliaj revuoj, kelkaj prosperis, aliaj jam mortis... espereble ne venos nia vico!!!

Evidente, verkistoj nepre bezonas sian propran organon. Jam pluraj diris: "Se ne estus Fonto, kie mi aperigus miajn verkojn?" Pensu nur pri la publikigo de la Belartaj Konkursoj de UEA, Fonto aperigas ne nur la rezultojn, sed jes, la premiitajn verkojn! Cetere, demandeto: ĉu vi scias, kiu literatura revuo plej longe eltenis? Ho jes, Fonto, sed ĝis kiam??? Pro la valoro de la revuo, mi sincere opinias, ke ĉiu abonanto de Brazila Esperantisto aŭtomate estu abonanto de Fonto; unu revuo kompletigas la alian. Kiam tio okazos?

**BE** El la estontaj libroj



eldonotaj de vi, ĉu vi povas citi kelkajn?

**Gersi Bays** El pli ol 30 titoloj en preparo mi citu: *Antologio Latina* volumoj 3 kaj 4, preskaŭ pretaj (el 10 volumoj!); *La gardanto de gregoj* (O guardador de rebanhos); *Amazonia Urno* de Leopoldo H. Knoedt; *La duakanonaj libroj de la katolika biblio*; *Ni vagu kune* porinfana poemaro de Bertram Potts, ilustrita libro; *La Faraono* (jes, tiu fama verko!) ktp ktp. Kiel diradis Stafeto: Kunhelpu pluporti la torĉon!

**BE** Kiujn librojn el la brazila literaturo vi konsideras eldonendaj en Esperanto?

**Gersi Bays** Kiom eble plej multajn, certe. Nu, ekzemple: nepre granda verko de Jorge Amado (mi persone elektus *Gabriela, Cravo e Canela*), romano de Machado de Assis: *Dom Casmurro* (oni jam provtradukis! sed kiel traduki la titolon?), kaj nepre novelaron. De José de Alencar: *O Guarani* (iam tradukita de Geraldo Mattos, sed la traduko perdiĝis, ho ve!).

**BE** Antaŭ nelonge ni perdis nian plej faman tradukiston. Ĉu ni povos diri, ke em Brazilo estas, post-Leopoldo, generacio de tradukistoj? Kion ni faru por subteni nian tradicion sur la kampo de la tradukarto?

**Gersi Bays** Mi ankoraŭ ne kapablas senti kiom Knoedt mankos al mi! La unua, kiu suferis pro lia forpaso ja estis mi: ĝuste la vesperon antaŭ lia morto ni interkonsentis pri tio, ke li legos mian romanon por trovi miajn erarojn...

Li fariĝis tiel entuziasma pri mia romano... sed, ho ve, li ne legis ĝin! Evidente, kiu anstataŭos lin? Ni ja havas aliajn tradukistojn, nome Geraldo Mattos, Sylla Chaves, Benedicto Silva, Paulo Sérgio Viana kaj aliaj (ne enkalkulu min, mi neniel kapablas ion ajn traduki!), kaj en Portugalio ni havas Gonçalo Neves. Bonvenon al aliaj! Kiel instigi ilin? Nu, se ili bone ion tradukis, nepre per eldonado (kaj niaj legantoj, per aĉetado, certe!).

**"Mi sincere opinias, ke ĉiu abonanto de Brazila Esperantisto aŭtomate estu abonanto de Fonto; unu revuo kompletigas la alian. Kiam tio okazos?"**

**BE** Kiuj estas viaj furoraĵoj? Ĉu nur la verkoj de Claude Piron amase vendiĝas?

**Gersi Bays** Ne nur! Ekzemple verkoj tradukitaj de Fernando de Diego (*Cent jaroj da soleco* kaj *La oldulo kaj la maro* jam elĉerpiĝis, kaj ni preparas duan eldonon. Mi povas citi kiel furoraĵon eĉ *La Luzidoj*, certe. Ankaŭ bibliaj libroj bone vendiĝas (en februaro aperos La duakanonaj libroj, en du volumoj!). Mi citu ankaŭ Antologio Latina (ĝis nun eldoniĝis la du unuaj volumoj el dek! Volumoj 3 kaj 4 estas preskaŭ pretaj!). Nu, mi povas citi kelkajn aliajn verkojn, kiuj bone vendiĝas, sed, ho ve, nia legantaro estas malgranda. Nu, kial do oni lernis nian lingvon, se ne por legi librojn kaj revuojn?

**BE** Kion ni atendu de la nova jarcento por nia literaturo kaj ties eldonmerkato. Ĉu vi havas iun revon pri Esperanto kaj ties libro-mondo?

**Gersi Bays** Nova jaro, nova jarcento, nova jarmilo... datoj estas abstraktaj aferoj. Ni festas ilin, sed sekvatage, ĉio revenas al la normala vivo, sen ŝanĝoj. Mi ne kredas je politikaj superaj apogoj, sed jes, je la unuopa homo: ke oni uzu la lingvon, kiun oni lernis. Tial mi uzis ĝin por verki mian romanon, ĉar Esperanto estas mia "elektita" lingvo. Kaj amata!

Adonis Saliba*



Kiam VEKI, Virtuala Esperanto-Klubo Internacia, estis kreita en Aŭgusto 1997, oni ne pensis kiom la mondo fariĝus malgranda post tiu momento. Ĝi estis kreita por ke brazilaj esperantistoj konatiĝu en la reto, por ke ĵurnalistoj informpetu, por ke novaj esperantistoj diskutu pri la movado kaj gramatikaĵoj. Nenio el tio plene okazis, ĵurnalistoj nur la esperantistaj, novlernantoj timeme sin kaŝis. Interreto estas alia mondo, kie la reguloj kaj planoj ne normale fluas en ĝia etoso. Post 4 jaroj de intensa mesaĝa interŝanĝado, VEKI fariĝis tiel furora kaj kvalita diskutlisto, ke la homoj sin nomas fiere "vekianoj". Tiu homamaso plejmulte ne konatiĝas vid-al-vide. Ni nur rilatas per la vortoj skribitaj en tia antaŭekrana mondo, apogita sur la sorĉo de la rapidfluaj mesaĝoj. Eble, ĝuste pro tio, la reto naskas tiom da pasiaj diskutoj. Novaj sociologiaj teorioj devos aperi por rajtigi science tiun novan mondon de interretaj fenomenoj.

La lingvo dekomence fluis timeme kaj tute sen la natura esprimemo de la kongresoj kaj esperantaj renkontiĝoj. Oni multe eraris gramatike kaj sen multo por diskuti oni pli aŭdacis en komentoj pri tajpado de niaj literoj kaj similaj bagatelaĵoj. Jam longe pasis tiu tempo de dulingva listo kaj helpa al komencantoj. Por helpi la lernantojn, naskiĝis EKi, kiu estas ĝemela diskutlisto pri Esperanto, tamen en la portugala lingvo. En 1999, VEKI fariĝis unulingva kaj nuntempe plenŝtopita el multaj nacioj. Ĝi nun plenas je 250 homoj, kun alvenoj de 2-4 homoj/ semajno. Vekianoj venas el la tuta mondo, kun pli ol 500 mesaĝoj monate. La ĉiutaga kaj rapidfluganta mesaĝaro estas novstile al esperanta interkomunikiĝo. Kompare al la sesmonata letera ekspedo de la komenco de la jarcento, nia sentempa pretaĵo de la retmesaĝumo estas ŝoka al la adekvata stabila vivo. Tamen, ni estas jam en la estonto. La mensoj al tujaj reagoj kaj kreviĝoj je eksplodo de propraj ideoj konkurencas en la tuta reto. Oni ne havas tempon por respondi, pro tio multfoje oni respondas sen pensi. Bataloj aperas, maniuloj abundas, reguloj necesas. Tamen la listo bone fartas en sia daŭra servo al praktikado de la lingvo, al la fluo de interkonatiĝoj, kie oni treege ĝuas la literaturan kaj poezian angulon de la vekianoj.

Per VEKI, translime al la mondo, oni sentas la morojn, la vivstilojn, la limojn de la nacioj, la kreivon kaj inteligentecon de la esperantistoj. Oni lernas, oni informas, oni vivas la veran internacian mondon. Vi ankaŭ povas aparteni al tiu esperantista klubo. Sed memoru bone: VEKI estas por geamikoj kiuj parolas Esperanton.

Vizitu la paĝon kaj faru vian aliĝon al VEKI:
*www.esperanto.org.br/veki*
Aŭ eble mesaĝu portugale en Eki:
*www.esperanto.org.br/eki*

## Ĉu vi konas la eblecojn de Esperanto en la reto?

Se vi ne scias respondi al tiu demando, unue vizitu la paĝon **www.esperanto.net.** Tie vi povas trovi ege grandan kvanton da vizitindaj retlokoj tra la tuta Esperantio. La kuriozaĵo estas ke vi povas trovi informojn de enlandaj movadoj en pli ol 40 lingvoj.

## Kie estas la plej aktuala retadresaro de la esperantistoj?

Facila respondo: simple vizitu **http://home.wxs.nl/~lide/adresaro.htm** kaj vi trovos la plej interesan aron da esperantistoj, kiuj retumas tra la tuta mondo. Ĝi estas la plej akurata kaj trafa maniero por rapide atingi la homojn kiuj parolas Esperanton. Se vi ankoraŭ ne partoprenas en la retadresaro, faru la aliĝon en tiu sama loko.

## Kio estas Flavaj Paĝoj de Esperanto?

Bone, la flavaj paĝoj estas kie estas multaj referencoj pri Esperanto en la Reto. Ĝi estas komunuze aktualigita kaj vi povas vidi la plej novan eldonon en la jena loko: **www.esperanto.net/veb/flavaj-pagxoj.html**

## Ĉu UEA havas retpaĝon?

Jes, la adreso estas treege simpla **http://uea.org** Bedaŭrinde, ĝi estas tro institucia kaj ne multe helpa al la propra esperantistaro. Ĝi estas belaspekta retloko, diverslingva kaj kelkfoje tre malrapide ŝarĝebla en la navigilo. Ene de UEA retpaĝaro vi povas trovi tre bonan librokatalogon de esperantaj eldonaĵoj (http://www.uea.org/katalogo/)

**Adonis Saliba estas inĝeniero kaj kunordiganto de VEKI kaj EKI*

# Survoje al brila estonteco...

## malgraŭ la sensukaj ĝisnunaj merkataj atingoj.


Foto: Merlin

The Beatles, U2, Paralamas do Sucesso, Os Titãs kaj Biquini Cavadão estas kelkaj el tre konataj muzikbandoj, el la pasinteco kaj el la nuntempo, kiuj estas sendube veraj fenomenoj en la popularega muzika merkato. Iliaj anoj riĉiĝis, kelkaj fariĝis milionuloj, iliaj kanzonoj estis aŭ estas disaŭdigataj grandskale per ĉiuj rimedoj. Kaj plej grava fakto estas, ke generacioj de gejunuloj estis forte influitaj de la pintaj rok- kaj alistilaj bandoj de la moderna historio de la muziko.

Sed, kiuj faktoroj igis tiujn bandojn famiĝi kaj fariĝi influpovaj? Ĉu nur la talento de iliaj komponistoj kaj kantistoj? Ĉu ia koboldo de la tempo? Kial multaj aliaj ankaŭ talentaj muzikbandoj ne same sukcesegis?

Kaj nun, grava – kaj iom naiva – demando por ni, esperantistoj: ĉu la lingvo en kiu oni kantas gravas por amasa sukceso? Ĉu rokensemblo kantanta en la portugala havas la saman ŝanco mondfamiĝi, kiun havas angle kantanta trupo?

Kian ŝancon havas talenta bando brazila, kantanta en Esperanto, en la mondo de la muziko? Ĉu ni povas revi, ke ĝi fariĝu almenaŭ amaseta muzikfenomeno?

Nun, rekta demando: Ĉu la talenta Merlin estas efemera fenomeno, aŭ ĉu ĝi survojas al la pinta pozicio ankaŭ inter la ne-esperantista publiko? Aŭ, pli modeste: ĉu Merlin furoros almenaŭ inter la tutmonda esperantistaro? Ankoraŭfoje pli modeste: inter la brazila esperantistaro, ĉu Merlin fariĝos fenomeno? Ĉu ni jam povas senhezite aserti, ke E-brazila fenomeno ĝi jam estas ?

Ĉi-raporte ni provos prezenti al niaj legantoj ion pri la itinero de tiuj talentuloj de Merlin kaj kelkajn leĝerajn pensojn pri nia muzikmerkato kaj ties potencialo.

## La komenco

Merlin fondiĝis en Belo Horizonte, en la jaro



**Rosinha parolas**

*Rosinha estas unu el la multaj fanoj de Merlin. Jen ŝia opinio pri ĝi: "Neniam antaŭe mi estis vidinta, kion mi vidis en Petrópolis, kiam dum la prezento de Merlin la gejunuloj kaj ankaŭ kelkaj ne junaj homoj ekstaris agite dancemaj kaj grupiĝis tuj antaŭ la scenejo. Estas ja neforgeseble. Ili prezentas junan vizaĝon, kiu ĝis nun tiom mankis en nia movado"*

Aliaj fanoj sur paĝo 11-a.

1994, post la malapero de la ensemblo *Flagrante Delito*, inter kies membroj troviĝis Markone Froes, Guilherme Lima kaj Aldrin Gandra. Poste Sérgio Ribeiro kaj plej laste Sérgio Vieira kompletigis la kvinopon, kiu restas la sama ĝis nun.

Antaŭe Markone sole estis klopodinta karieron per sendependa vinila disko, kun propraj kanzonoj, inter kiuj *Brinquedo Quebrado* reliefiĝis per disaŭdigado en radiostacioj ne nur en Belo Horizonte, sed ankaŭ en aliaj provincoj.

Kvankam Markone plu teksas proprajn kanzonojn, Merlin kalkulas ne nur pri ili, sed ankaŭ prilaboras versiojn de sukcesintaj kanzonoj el la plej diversaj stiloj, ĉu brazilaj, ĉu internaciaj, kiel Frevo Mulher (Zé Ramalho), Sonífera Ilha (Titãs), Daniel na Cova dos Leões (Legião Urbana), Stars (Simple Red) e Close to me (The Cure).

Dum la Esperanto-movado ne engaĝiĝas por organizi surlokajn prezentojn de la ensemblo, Merlin prezentiĝas ĉefe en la provinco Minas Gerais, en lokoj pli malpli bone konataj kaj aprecataj de la muzikamantoj. Kaj se temas pri la esperanta flanko de la trupo, la laboro ekdisvolviĝis en 1998, paralele al la ordinara klopodado ĉe la ne-esperantista publiko.

Nu, sub la iniciato de la Esperanto-movado, ĝi ĝis nun prezentiĝis en Campo Grande kaj Petrópolis, kadre de la brazilaj kongresoj de Esperanto okazintaj en tiuj urboj, kaj en Brasília kaj Pato Branco, rezulte de la agado de la lokaj esperantistoj. Certe tro magra rezulto por trijara klopodado, malgraŭ la surpriziga intereso flanke de homoj kaj institucioj en Brazilo kaj en eksterlando.

La franca Vinilkosmo, por ekzemplo, tuj post ekkoni la merlinan laboron senhezite decidis lanĉi ties unuan kodiskon, nome *Por la mondo*, kun



## Biquini Cavadão

*Bruno Gouveia, kantisto de Biquini Cavadão, liveris specialan framon al la kodisko* ***Ho, mia kor'****, partoprenante la kantadon de la kanzono Aferoj por Gardi. Reganto de du fremdaj lingvoj – la angla kaj la hispana – Bruno parkeris la tekston kaj lernis la prononcon dum du horoj, inter la flughaveno kaj la studio.*


Foto: Merlin

Bruno Gouveia, la unua dekstre

## Jen la steluloj



**Markone Froes:** *Voĉo, gitaro, tekstoj kaj melodio, Lernis 8-jarule ludi gitaron. Ekkomponis ekde sia 18-jaraĝo. Ŝategas legadon, muzikon kaj kinoarton.*



**Sérgio Ribeiro:** *Basgitaro. La unua basisto kiu ne komplikigas la vivon de la ensemblo.*



**Guilherme de Souza Lima:** *Drumisto. Fondis la ensemblon Flagrante Delito, kune kun Markone Froes*



**Aldrin Gandra:** *Gitaristo, voĉo, komponisto*



**Sérgio Vieira:** *Klavaro, aranĝoj. Kiam li estis 7-a jara, li ekstudis en muzika konservatorio. Blondkolorigas siaj harojn. Li fariĝis la klavaristo de la ensemblo, ĉar la oficiala klavaristo estis promociata en lia banka laboro kaj ne plu povis resti.*

muziktemoj alte taksataj, kiel amo, frateco kaj egaleco. La tekstoj de Merlin estas ja plenaj je signifoj kiuj ne malofte mankas en alies kanzonoj.

## La vojo ekde la dua kodisko

Tiom granda talento kaj strebado ne enhaviĝis en ununura kodisko, tial Brazila Esperanto-Ligo, serĉante novajn vojojn por entreprenado, apogis la trupon kaj lanĉis da duan kodiskon, kies nomon - *Ho, mia kor!* - oni prunteprenis el la fama poemo de Lazaro Ludoviko Zamenhof, kiu cetere enviciĝas kiel unu el la plej belaj kaj kortuŝaj kanzonoj de tiu ĉi kodisko.

Tamen, lanĉi kodiskon estas eble la plej facila aspekto de laboro por sukcesigi ensemblon ankoraŭ tute ne konata de la ĝenerala publiko, kaj apenaŭ ekkonata de la esperantistaro.

Kompletigaj agoj estas la distribuado, la diskonigado, la ofta organizado de publikaj prezentoj, la gazetara servo kaj ĉio cetera kio eventuale povas kontribui kaj al la pli amasa vendado de la du jam lanĉitaj kodiskoj kaj al la progresigo de la kariero de la junaj talentoj.

Nu, kio pri diskonigado, distribuado kaj prezentado tra Brazilo antaŭ ne nur la esperantista publiko?

Brazila Esperanto-Ligo, spite la manko de sperto kaj homfortoj sur kampo tute fremda al ĝi, strebadas plenumi rolon kiu apartenas al profesia entrepreno pri produktado kaj surmerkatigo de kodiskoj. Cetere, la afero estas por la nacia organizaĵo de la brazilaj esperantistoj, grava okazo lerni pri surmerkatigo de tiaj varoj, ĉar baldaŭ pliaj – ne nur de Merlin – estos lanĉitaj kaj havi pli adekvatan strukturon multege helpos al ĝi. Kaj tian strukturon oni nur eblas akiri niakaze per ĝisfunda esplorado kaj praktikado, kaj Merlin –




## Kion diras la fanoj

*Ĉiu ensemblo havas siajn fanojn. Merlin ne estas escepto. Kiu spektis ĝian prezenton okaze de brazila kongreso de Esperanto en Petrópolis, gapis antaŭ la grandega entuziasmo de la fanaro. Tio montras la potencialon de la trupo. Ni aŭdu la vortojn de la fanoj mem:*

*Merlin estas bonega grupo, faranto de belega muziko, kiu pensigas la homojn!*
Judith Meyer, Germanio

*Merlin bonegas! Ni bezonas pli da tiaj ensembloj en Esperantio.*
Jimes Milanez, Brazilo

*Mi kredas, ke la junulara Esperantujo ankoraŭ ne malkrovis tiun talentoplenan ensemblon! Espereble tio okazos antaŭ la UK aŭ IJK en Brazilo, por ke la partoprenantoj jam antaŭe avidu ilian bonegan prezentadon.*
James Piton, Brazilo

*Bonega muziko kiam la vivo blovegas ĉirkaŭ vi.*
Goran Zachrisson, Svedio

*Kaj la tekstoj kaj la melodio bonegas. La kanzono **Aliaj Mondoj** havas la saman stilon de la muzikoj ofte disaŭdigataj en la junularaj radiostacioj.*
Constatin Georges. Brazilo


Foto: José de Souza

*Merlin estas la plej nova rimedo por diskonigi Esperanton, ĉefe inter gejunuloj. La Merlin-muzikoj faras bonegon al niaj animoj.*
◄ Larissa Melo, Brazilo (dekstre)

*La anoj de Merlin, krom ege simpatiaj kaj ĝentilaj, estas tre bonaj muzikistoj. Mi jam havas iliajn du kodiskojn, kiujn mi ofte aŭskultas.*
◄ Clarinha Melo, Brazilo (maldekstre)

*La muziko de Merlin ne nur estas tre profesia kaj altkvalita, sed ankaŭ feliĉiga kaj ĝuinda.*
Clayton Smit, Kanado ►


Foto: Mima

krom la porinfana kodisko *Ni dancu en la rondo* – estas konkreta ebleco por tiu esplorado kaj praktikado.

Espereble oni povos ne post longega tempo trovi la vojojn al la sukceso, ĉar de tio dependos la plua ekzisto de Merlin kaj la starigo de minimuma kondiĉaro por novaj iniciatoj.

Gravas la fakto, ke ĉiuj anoj de Merlin estas junuloj, kiuj fosas siajn sulkojn en la vivo, kaj ne povas pretervivi nur je aplaŭdoj de kelkaj admirantoj.

Sed, ĉu ekzistas merkato por la muziko en Esperanto? Ĉu eblas profesia laboro sur la kampo de tiu merkato? Ĉu la E-movado kaplablos krei favoran etoson por la subteno de profesiaj iniciatoj, kiel tiu de Merlin?

## Nia merkato

Ne entuziasmigaj estas la ĝisnunaj atingoj surmerkataj. La ne-esperantista publiko estas preskaŭ absoluta revo, ĉar la alirebleco ĉe la radiostacioj – nepra kondiĉo por amasa diskonigado – apenaŭ ekzistas.

Tamen, pripensinda estas la agado de Leonardo Lacerda, junulo el Itabira, urbeto en la provinco Minas Gerais. Li izole kaj sen ia ajn apogo, sukcesis konvinki surloke la gvidantojn de la plej grava radiostacio disaŭdigi kanzonon de Merlin, kaj el tio ekestis movadeto flegata ĝis nun en la diskutlistoj Esperanto-br *http://groups.yahoo.com/group/esperanto-br* kaj Divulga *http://groups.yahoo.com/group/divulga*, celanta la starigon de vigla komuna agado por konvinki plurajn radiostaciojn tra Brazilo, pri la taŭgeco disaŭdigi la kanzonojn de Merlin. Ĉu ni daŭre atendu bonajn rezultojn sub tiaj iniciatoj, sen sistema apogo de la e-organizaĵoj?

Rilate al la interna merkato, la esperantista, same la atingoj ne estas furoraj. Kion pensi, kiam alvenas al BEL mendoj el tri kodiskoj, fare de eŭropa landa asocio?

Ekster Esperantio, kiam oni parolas pri landoj kiel Britio, Italio, Usono, Rusio, Japanio, Ĉinio, Germanio, Kanado, Francio kaj aliaj, oni parolas pri veraj potencoj. Tamen, la esperantiaj bildoj de tiuj potencoj, malgraŭ la konstanta laboro de la samideanaro, ne aspektas tiom potencaj, kiam temas pri konsumado de esperantaĵoj, kiel kodisdoj.

Do, kultura industrio en Esperantio estas apenaŭ ĝermo. Kompreneble, kiel ĉiuj ĝermoj, ĝi povas elkreski kaj disfloradi amplekse. Tamen, preferinde ni ne atendu printempon sen intensa semado niaflanke. Certe la plej tuja solvo por la E-brazila revo vidi siajn stelulojn sur pli vasta scenejo, estas ne atendi sidante ŝanĝojn en la merkato, ĉu en Esperantio aŭ ekster ĝi, sed plenpulme disheroldi al la ĉirkaŭantoj, per ĉiaj rimedoj, ke bela lingvo nomata Esperanto ebligas la faradon de allogaj kanzonoj, kaj ke ni havas pruvon pri tio: Merlin.

Ĉu ĝi fariĝos stabila ensemblo, produktos pliajn kodiskojn kaj estos vaste konata ne nur en Esperantio, la respondo ne apartenas ekskluzive al ili, sed ankaŭ al la esperantistaro, al la E-organizaĵoj tra Brazilo. BEL faris la unuan paŝon kaj pretas fari aliajn, sed sen la engaĝiĝo de la brazila esperantistaro, Merlin estos en la estonteco nur fablo, kiel estas nun por ni la fablo pri la magiisto Merlin, Reĝo Arthur kaj la kavaliroj de la ronda tablo.

## Netakseblaj okazaĵoj

*Ĉu vi memoras pri tagoj ne indaj je ellitiĝoj? Sciu vi, ke preskaŭ ĉiuj tagoj de la kvin merlinanoj estis tiel:*

- *Kun mono sufiĉa nur por refreŝigaĵo, ili pasigis tutan tagon en drinkejo, apud la sidejo de Globo-Reto Minas (regiona peranto de la plej granda kaj influhava brazilo televizia reto), elektante nomon por enskribi la grupon en festivalon; fine, kiam ili interkonsentis pri Merlin, ili malkrovis, ke oni ne postulis nomon de la enskribontaj grupoj.*
- *La mecenato de la unua kodisko rezignis pri monhelpo momentoj antaŭ la subskribo de la kontrakto.*
- *La klavaristo Sérgio Vieira vendis sian aŭtomobilon por ebligi publikan prezentadon de Merlin*
- *Finfine, kiam ili sukcesis fari kodiskon, per Vinilkosmo, en Francio, la 300 ekzempleroj senditaj al Brazilo restis neliberigitaj en doganejo dum 30 tagoj.*

**En Interreto**

Forumo pri E-muziko
*Nepre partoprenu la forumon pri disvastigado de la muziko en Esperanto, ĉe*
*www.capitaldoesperanto.org.br*

Merlin:
*www.merlin.art.br*

# La respondeco de Brazilo antaŭ Ameriko

James Rezende Piton*

Oni jam diris, ke ofte ni brazilanoj forgesas, ke ni estas ankaŭ amerikanoj.

Pri tio kulpas la lingva izoliteco; ni estas praktike la sola lando, kiu ne parolas la hispanan en Latinameriko, krom 2 aŭ 3 aliaj landoj. Pri tio kulpas ankaŭ la duobla senco, kiun la vorto "amerikano" akiris i.a. en la portugala lingvo (= "usonano").

Tio povas doni la impreson, ke pri tiu fakto kulpas nur ekstera faktoro, la lingvo, kiun ni heredis. Ĉu ni brazilanoj pro aliaj kialoj iel ne respondecas pri tiu sinteno?

En UNICAMP, universitato konsiderata kiel avangarda, urugvaja studentino, delonge loĝanta en Brazilo rakontis al mi pri stranga sperto. Foje ŝi komencis demandon per la frazo "Ni en Latinameriko...", kadre de postdiplomiga kurso pri historio. Ĉikane la profesoro interrompis ŝin, kun evidenta moka celo, demandante al ĉiu studento ĉu li/ŝi konsideras sin kiel latinamerikano. Je ŝia konsterniĝo, ĉiu studento (pri Historio!) respondis, ke ne, ke ili ne sentas sin latinamerikaj. Kaj plej grave: la profesoro same sintenis kaj riproĉis ŝin! Evidentas do, ke tiu sento de fremdiĝo ne ekzistas nur en malkleraj homoj. Se ni ne estas parto de Latinameriko, ĉu Brazilo estas do insulo, aŭ nia kvazaŭ kontinenta teritorio formas apartan kontinenton?

Grandaj amaskomunikiloj emas krei aŭ amplifiki senton pri rivaleco inter Brazilo kaj najbaroj, inflama rivaleco, kiu multe helpas la amasan spektadon dum internaciaj sportaj konkuroj. Jen ni en futbalo kvazaŭ ĝisostaj malamikoj de argentinanoj kaj urugvajanoj, jen niaj flugpilkaj ludistoj feroce krucumotaj de kubanoj (aŭ krucumontaj ilin). La bela olimpika idealo pri sporto reduktiĝis je tio, bedaŭrinde (por ne diri, ke foje eĉ pli gravas la disputo inter la markoj de sponsoroj).

Sed esperantisto kun minimuma sento, ke Esperanto estas pli ol lingvo, nepre pensas alimaniere. Ĉu ni esperantistoj povus nei, ke ni brazilanoj estas parto de Latinameriko, kaj sekve ĉiuj ni kunrespondecas pri la difino de latinamerikano? En São Paulo troviĝas *Memorial da América Latina*, kun riĉa kultura programo. Krom giganta kulturcentro, ĝi cetere estas sidejo de Parlatino (Latinamerika Parlamento), asocio de parlamentanoj de la tuta kontinento. Okulfrapas, ke tiuj faktoj estas nemulte konataj ekster São Paulo mem.

Unuflanke ankoraŭ estas tiom multe da semado farenda en nia lando, en centoj kaj miloj da urboj, kie Esperanto estas apenaŭ aŭ tute ne konata. Solvi tion estas jam sufiĉe granda tasko. Aliflanke oni pripensu ke, kiam oni demandas pri Esperanto, oni demandas en kiom da landoj troviĝas esperantistoj kaj ni fiere montras la nombron de ekzistantaj Landaj Asocioj. Ke en multaj landoj apenaŭ estas esperantistoj, tio estas tre malbona por la tuta movado. Nemovadanoj neeviteble demandus: ĉu ne estas en tiuj landoj eĉ unu homo, el kiu ajn tavolo aŭ fako, kiu favoras al la ideo de Esperanto?

Tiu situacio certe ŝanĝiĝus se oni donus sufiĉe da atento, laŭ niaj ebloj. Estas certe, ke al la celoj de UEA tre taŭgus se en ĉiu amerika lando estus minimume kontakteblaj aktivuloj, se ne kluboj.

Kiel Brazilo povas pli aktive partopreni la komunan laboron de Amerikaj landoj? Ĉu kelkaj el niaj plej grandaj E-organizoj ne estus loko por mallonga trejnado de aktivuloj?

Ĉu niaj landaj kongresoj ne estas sufiĉe viglaj, por ke najbara aktivulo ĝuu la etoson de kelkcentkapa E-aranĝo? Tiujn kaj aliajn demandojn ni ĉiuj povos debati, kaj espereble trovi respondojn kaj solvojn, dum Forumo Esperantistaj Interrilatoj en Ameriko, kiu okazos kadre de la 37-a Brazila Kongreso de Esperanto en Brasília, en Julio.

*James Rezende Piton estas reprezentanto de Brazilo en UEA-Komisiono por Ameriko kaj komitatano A.*

# Libro por lingvistoj

Floriano Pessoa



Ĉi tiu verko estas frukto de lingvistikaj esploroj faritaj de la aŭtoro kaj de lia kolego, prof. d-ro Eurico Back, sub aŭspicioj de la Pontifika Katolika Universitato de Paranao, Brazilo, kaj libroforme aperintaj en ilia "Gramática Construtural da Língua Portuguesa" (Konstruktura Gramatiko de la Portugala Lingvo"(1972).

Rimarkinte, ke la lingva teorio, kiun ili disvolvis pri la portugala lingvo, estas facile aplikebla al Esperanto, ĉar "la lingvaj procedoj kaj solvoj estis la samaj", ili solvis la portugallingvan problemon unue interne de Esperanto kaj poste adaptis al la portugala".

En sia kutima originala stilo, kaj uzante modernajn rimedojn de la lingvo-scienco, la prezidanto de la Akademio de Esperanto gvidas nin tra la lingvaj procesoj de la Internacia Lingvo kaj montras, ke "la vorto estas simple unu el la lingvaj strukturoj, kaj la farado de vorto kun morfemoj estas absolute egala al la farado de lokucio kun vortoj (vorta aro), al la farado de sentenco kun lokucioj (lokucia aro) kaj al la farado de propozicio kun sentencoj (sentenca aro): la procedoj estas egalaj, kun la sola diferenco, ke la vorto estas strikte limigita en la nombro de siaj eblaj elementoj".

Post prezento de tipaj skemoj pri subordigo, la aŭtoro konkludas, ke "tio resumas la tutan teorion de vortfarado en Esperanto". Kompreneble, ekster la resumo, en la korpo mem de la verko, li detale pritraktas temojn kiel Lingva artikulacio (Lingvaj strukturoj/ Nomaro kaj karakterizoj), Artikulacio de la vorto (Elementoj de la vorto/ Tipoj de vortfaroj), Sintaksaj Procedoj (Kohero, superordigo, subordigo, derivado k.a.).




Geraldo Mattos, Fonto, Chapecó-SC (Brazilo) 2000, 166 pg, R$ 15,00

Temas do pri libro por fakuloj, aŭ almenaŭ tre progresintaj studantoj sur la kampo de Lingvistiko. Por faciligi la komprenon de la enhavo de la libro, ŝajnas al mi konsilinda la antaŭa legado de la ĉapitro "Formação de palavras" (vortoformado), de "Gramática Completa do Esperanto" (Kompleta Gramatiko de Esperanto), de la sama aŭtoro, kaj de "La vortfarado", paĝo 370 de "Plena Analiza Gramatiko de Esperanto". Ĉe manko de tempo aŭ pacienco por pli longa esploro, oni almenaŭ konsultu la pli koncizan "Vortkonsisto, Vortfarado, Vortanalizo, Vortordo", de André Cherpillod, (memeldono, 1996 – ĉe BEL-libroservo).

Tia altnivela, esence teknika verko, en kiu Geraldo Mattos aŭtoritate pritraktas polemikajn temojn pri la Esperanta lingvo-sistemo kaj foje kontraŭdiras la opinion de homoj kiel Waringhien kaj Kalocsay – tia libro ja meritas kaj certe havos detalan recenzon, sed tion povas fari nur vera esperantologo.

# Lorenz 25-jara rikoltas bonajn rezultatojn

Spirita Eldona Societo F.V. Lorenz kompletigis la pasintan decembron 25 jarojn da ekzistado. Fondita por la diskonigado de la Evangelio kaj Spiritismo pere de Esperanto, ĝi certe atingis siajn celojn kaj estas praktika elmontro de la utileco de Esperanto serve al la plej diversaj idealoj, ĉu religiaj aŭ ne. Kaze de Lorenz, la agado disfloris tra la tuta mondo, kies membroj disas hodiaŭe en 90 landoj, ĉefatingaĵo de la programo de ĝiaj fondintoj.

Laŭ Délio Pereira de Souza, unu el tiuj fondintoj kaj aktuala direktoro de Societo Lorenz, ĝi nuntempe daŭrigas sian kreskantan laborritmon sur la kampo de la diskonigado de Spiritismo tra la mondo kaj samtempe kontribuas al la studado de Esperanto, per eldono de lernolibroj, inter ili unu bazita sur la ekzercaro de Zamenhof.

La membroj de la Societo, kiuj pagas jaran kotizon, rajtas ricevi senpage ĉiun eldonitan libron en Esperanto, kaj ricevas ankaŭ rabaton sur ĉiuj aliaj mendataj libroj ĉe la libroservo, kiu disvendas ankaŭ portugallingvajn titolojn, propraj kaj de aliaj eldonejoj.

## La komenco

Ĉio komenciĝis kiam Nelson Pereira de Souza kaj sia frato Délio Pereira de Souza vizitis komunan amikon, Getúlio de Araujo, tiam gvidanto de la Eldona Departemento de Brazila Spiritisma Federacio, en Rio-de-Ĵaneiro.

Dum la interparolado, Getúlio proponis la fondon de Esperanta libroklubo internacia por diskonigi Spiritismon tra la tuta mondo. La vizitantoj tuj akceptis la ideon kaj komencis la laboron. Unue oni invitis samideanojn en Brazilo. Aprobis la ideon kaj aliĝis al ĝi 12 simpatiantoj, kiuj kune kun la tri unuaj citataj, subskribis la protokolon.



Bonenhava periodaĵo de Lorenz

La kategorio *Fondinto* estis malfermita al novaj aliĝintoj ĝis la 31-a de Marto 1976. Ĝis tiam aliĝis el Brazilo pliaj 8 gesamideanoj. El eksterlando aliĝis 9 homoj el 9 diversaj landoj.

## La ĝisnunaj atingoj

La nova katalogo de Lorenz enhavas titolojn nur en la portu-


Foto: Societo Lorenz

Esperantistoj en Rio kunveniĝis feste al la 25-a jariĝo de Societo Lorenz

gala, inter kiuj la baza lernolibro Metodo Lorenz. Kompleta katalogo kun nur Esperanto-titoloj baldaŭ aperos. El la titoloj en la portugala furore vendiĝis la verko *O último êxodo*, kiu aperis ankaŭ en Esperanto, sub la titolo *La lasta eliro*. Délio de Souza asertas, ke la eldonado de libroj en la nacia lingvo estas ĝusta strategio, kiu alportas al la organizaĵo multe da financaj rimedoj, utiligataj por financi la eldonadon en Esperanto, ĉiam deficita.

Ankaŭ regula eldonado de la bulteno *Komunikoj* kaj de la jarlibro *Almanako Lorenz* estas bonaj fruktoj de la 25-jara vivo de la eldonejo.

Impresas la reguleco de la eldonado de la almanako, kies unua numero aperis en 1975 kaj de tiam ĝis nun mankis en neniu jaro. En ĝi aperas kaj tradukitaj kaj originalaj artikoloj , ne nur pri spiritismo sed ankaŭ pri aliaj temoj spiritualismaj.

Tiu fenomeno, en movado kia la esperantista, estas vera signo de konstanta sindediĉo kaj seriozeco de la membraro kaj direktoraro de Lorenz.

## La planoj por la estonteco

Krom la daŭra eldonado de libroj, alia celo por la estonteco estas la konstruado de propra sidejo en Rio de Janeiro. Por havigi al si la necesan kapitalon la estraranoj de Lorenz kreis fonduson Zamenhof. Oni esperas konstrui la sidejon baldaŭ, sed fakte oni ne antaŭvidas difinitan daton, laŭ informo de Délio de Souza.

Lorenz ĉiam estos grava ero de la Esperanto-movado kaj per ĝia agado kaj sukceso aliaj movadoj eble decidos same entrepreni sur la kampo de Esperanto-aplikado, nepra kondiĉo por la ekspansio de la transnacia lingvo. Esperanto ja bezonas similajn agadojn devenantaj de aliaj religioj kaj soci-politikaj movadoj. Do, gratulon al Societo Lorenz okaze de ĝia 25-a jariĝo.



# Francisco Valdomiro Lorenz*

*Nur tri jarojn post la apero de la unua Esperanto-lernolibro, de d-ro Zamenhof, en julio 1887, en Varsovio, unuan ĉehan Esperanto-lernolibro aperigis la aŭtoro Frantisek Vladimir Lorenz, proprakoste ĉe presisto Frantised Hoblik, en la urbo Pardubice en la jaro 1890. Lorenz naskiĝis en la 24-a de decembro 1872 en la familio de muelisto Frantisek Lorenz. Li studis gimnazion en urboj Cáslav kaj Kolín. Esperanton li lernis jam en la jaro 1887. En 1893, septembre, li devis fuĝi de la aŭstria polico en Brazilon, pro politika kialo. Li estis poligloto kaj konis pli ol 80 lingvojn ( iuj fontoj mencias 93). Lorenz estas aŭtoro de 68 verkoj, el kiuj 56 aperis libroforme. Al liaj plej gravaj verkoj apartenas traduko de la verko Bhagavad-Gita el la sanskrita. Li estas aŭtoro ankaŭ de propraj projektoj de internaciaj planlingvoj* ***Kosmo-linguo*** *kaj* ***Mundial****. Plue li estas eĉ aŭtoro de lernolibroj de pluraj lingvoj, kiel ekzemple: Ido, portugala, pola kaj aliaj. En la jaro 1906 oni nomumis lin ŝtata instruisto en Brazilo. Li vivis en vilaĵo Dom Feliciano, ŝtato Suda-Riogrando, kaj mortis en 1957 en ties ĉefurbo Porto Alegre. Al F.V.Lorenz apartenas la honoro esti la unua instruisto de Esperanto sur la teritorio de hodiaŭa ĉeĥio. Li estis esperantisto jam de la jaro 1887, deklaras L. Courtinat en la libro Historio de Esperanto, kaj A. Holzhaus en Doktoro kaj Lingvo Esperanto. En la Adresaro de la unuaj adeptoj de la Lingvo Internacia Lorenz havas la numeron 1276, laŭ A. Holzhaus.*



Francisco Valdomiro Lorenz: genia ĉeĥo, kiu pruntedonis sian nomon al la 25-a jariĝinta brazila societo

*Surbaze de Almanako Lorenz 1995, paĝo 86.*

# La Mondo por Ĉiuj*

Cristovam Buarque**

Dum antaŭnelonga debato en Usono, oni pridemandis mian opinion pri la internaciigo de la Amazona regiono. La junulo enkondukis sian demandon asertante, ke li atendis mian respondon de humanisto, ne de brazilano. La unuan fojon debatanto starigis la humanisman vidpunkton kiel startopunkton por mia respondo. Fakte, kiel brazilano mi simple respondus kontraŭ la internaciigo de la Amazona regiono. Eĉ se niaj registaroj ne donas la atenton, kiun tiu riĉaĵo meritas, ĝi estas nia.

Mi respondis kiel humanisto, kiu sentas la riskon de medidetruo, kiun travivas la Amazona regiono, ke jes, mi povas imagi ĝian internaciigon same kiel de ĉio alia grava al la homaro. Se la Amazona regiono, sub humanisma vidpunkto, estas internaciigenda oni internaciigu ankaŭ la nafto-rezervojn de la tuta mondo. Nafto estas tiom grava al la bonfarto de la homaro, kiom la Amazona regiono. Malgraŭ tio ĉi, la posedantoj de nafto-rezervoj pravigas sian povon kreskigi aŭ malkreskigi la nafto-produktadon, kaj levi aŭ ne levi ĝian prezon. Kaj la riĉuloj sentas sin rajtigitaj bruligi tiun grandegan posedaĵon de la homaro.

Same la financa kapitalo de riĉaj landoj estus internaciigenda. Se la Amazona regiono estas rezervujo por ĉiuj homaj estaĵoj, ĝi ne povas esti bruligata pro simpla decido de unu posedanto aŭ de unu lando.

Bruligi la Amazonan regionon estas tiom grave, kiom la senlaboreco provokata de arbitraj decidoj de tutmondaj spekulaciantoj. Oni ne povas permesi, ke financaj rezervoj bruligu tutajn landojn en spekulaci-volupto.

Antaŭ ol Amazon-regiono, mi ŝatus vidi la internaciigon de ĉiuj grandaj muzeoj en la mondo. Louvre ne devus aparteni nur al Francio.

Ĉiu muzeo en la mondo estas gardanto de la plej belaj pecoj produktitaj de la homa genio. Oni ne povas permesi, ke tiu kultura posedaĵo estu manipulata kaj detruita laŭ la bontrovo de posedanto aŭ iu lando.

Antaŭnelonge japana milionulo decidis entombigi kun si pentraĵon faritan de grava majstro. Tiu pentraĵo prefere devus esti internaciigita.

Dum tiu renkontiĝo kiam alvenis la menciita demando, UN kunvenigis la Jarmilan Forumon, sed kelkaj landoprezidantoj havis problemojn ĉeesti pro eniraj malfacilaĵoj en Usono. Tial mi diris, ke Novjorko, kiel UN-sidejo, prefere estu internaciigita. Almenaŭ Manhattan devus aparteni al la tuta homaro. Same kiel Parizo, Venecio, Romo, Londono, Rio, Braziljo, Recife, ĉiu urbo, kun sia specifa beleco, mondhistorio, devus aparteni al la tuta mondo.

Se Usono volas internaciigi la Amazonan regionon pro la risko lasi ĝin en brazilaj manoj, oni internaciigu la tutan atomarmilaron de Usono.

Eĉ ĉar ili jam montris sin kapablaj uzi tiujn armilojn, provokante detruon miloble pli grandan ol la bedaŭrinda bruliĝoj en brazilaj arbaroj.

En siaj debatoj, la nunaj[1] kandidatoj al prezidento de Usono defendas la ideon de internaciigo de arbaraj rezervoj kompense de ŝuldo-pardono.

Ni komencu uzi tiun ŝuldon por garantii al ĉiu infano en la mondo la rajton ĉeesti lernejon. Ni internaciigu la infanojn per atento, al ĉiuj ili sendepende de ilia patrolando, kiel posedaĵo kiu meritas zorgojn de la tuta mondo. Eĉ pli ol Amazon-regiono meritas. Kiam la mondregantoj konsideros la malriĉajn infanojn en la mondo kiel posedaĵon de la Homaro, oni ne permesos, ke tiuj infanoj laboru anstataŭ ili studu; ke ili mortu anstataŭ ili vivu.

Kiel humanisto, mi akceptas defendi la internaciigon de la mondo.

Sed dum la mondo konsideras min brazilano, mi batalos por ke nia Amazon-regiono estu nia. Nur nia.

*El ĵurnalo "O Globo", Rio, 23/10/2000. Tradukis James Piton

**Profesoro kaj iama rektoro de Universitato de Braziljo; iama guberniestro de Federacia Distrikto, Braziljo

[1] Ĉi tiu artikolo estis originale publikigita en oktobro 2000

# Karnavalo




Foto: Joédson Alves-Correio Braziliense

La karnavalo estas homamasa fenomeno. Lavangoj da homoj fariĝas spektantoj de la kuriozaj paradoj


Foto: Nehil Hamilton-Correio Braziliense

Handikapo ne estas baro por tiuj kiuj ŝategas festi


Foto: Zuleika de Souza-Correio Braziliense

Ano de la popularega karnavalularo Idaro de Gandhi, el Salvador (Bahia)

Certe la plej grava popolfesto en Brazilo, la karnavalo estas eksplodo je koloroj kaj homamasa agitado. Dum tri tagoj, homoj dancas, kantas kaj amuziĝas ĝisoste. Estas tiuj, kiuj kaptas la okazon por trankvila ripozo sur la kamparo aΩmarborde, dum aliaj preferas paΩzon por meditado kaj religiaj aktivecoj. Resume, dum la karnavalo, en februaro, Brazilo haltas.



Foto: Glaucio Dettmar-Correio Braziliense

Svarmas koketulinoj duonnudaj. Tial, parto de la brazila socio kondamnas la karnavalon.



Foto: Anderson Schneider-Correio Braziliense

Plenaĝuloj kaj ankaΩinfanoj, ĉiuaĝuloj vigle partoprenas la festegon

Foto: Glaucio Dettmar-Correio Braziliense

La konkurso de alegoriaj veturiloj en Rio estas alte taksata programero

**Brasília DF**

## *Zamenhof-festo*




Foto: ABE

*Esperanto-Asocio de Brasília sukcese okazigis sian Zamenhof-Feston, en la 17-a de decembro. Dum tiu agrabla renkontiĝo multaj esperantistoj dancis, manĝis, trinkis kaj ricevis donacetojn el ĉokolado. Oni lotumis premiojn, kaj kursfinintoj el la E-kursoj disponeblaj en la urbo ricevis siajn atestilojn.*
*La etoso de la festo estis bonega kaj krom la gaja babilado, okazis prezentoj de Esperanta Koruso de Brasília kaj de du ventro-dancistinoj, el kiuj unu estas la esperantistino Eida Messias Lima.*
*Lício de Castro kaj ceteraj EAB-estraranoj multege laboris por la sukceso de tiu jam tradicia evento, kiu ĉi-jare kunvenigis 183 homojn.*

**Rio de Janeiro RJ**

## *Ĉe AERJ viglas la prelegoj*

*Viglas la kulturkunvenoj kunordigitaj de Aloísio Sartorato, eksprezidanto de EARĴ (Esperanto-Asocio de Rio de Ĵaneiro). José Rabello de Paula prelegis pri la temo* A Matemática em Esperanto, *je la 20-a de januaro. Je la 3-a de februaro, okazis prelego en Esperanto de Jorge Campos de Oliveira pri la temo* Amuzaj Epizodoj de la Brazila Historio. *La 17-an de februaro, portugallingva prelego de Fernando Pitta pri* La ĉefaj aspektoj de la hispana lingvo.
*Je la 3-a de marto, okazos prelego de Neide Barros Rêgo pri* Miaj spertoj pri Esperantaj Kongresoj. *Kaj en la 17-a de marto, portugallingva prelego de Walmir do Rego pri la temo* O paradoxo entre a palavra e ação.

**E-Kooperativismo**

## *Kooperativismo en Rio*

*De la 5-a ĝis la 10-a de decembro okazis en Rio de Janeiro la eventego* Rio Cooperativo 2000. *Verŝajne neniu kooperativista esperantisto partoprenis ĝin. Nu, restas al ni demandi: ĉu iam la Esperanto-kooperativismo en Brazilo revigliĝos?*

**Esperanto kaj Politiko**

## *Esperantistoj kandidatiĝas*

*Okaze de la pasinta balotado tra la tuta Brazilo, la prezidanto de la LKK de la 87-a UK (Julio 2002), Wandemberg de Morais, kandidatiĝis al la Urba Konsilantaro en Fortaleza, sed bedaŭrinde sensukcese. En la fino de 2002 estos la vico de Eurípedes Barbosa, nuna prezidanto de Taguatinga Esperanto-Klubo, kiu klopodos elektiĝi Distrikta Deputito en Brasília. Nuntempe Eurípedes jam politikumas kiel asistanto de la Deputito Renato Rainha. Ĉu estas pliaj esperantistoj en la politiko?*



Euripedes Barbosa

Tradukisto

## Dom Casmurro

*La kuracisto Paulo Sérgio Viana, kies tradukoj kompetentaj riĉigas nian literaturon, daŭre laboras kaj nun prizorgas la tradukadon de la libro* Dom Casmurro, *de Machado de Assis. El tiu sama aŭtoro Paulo Sérgio jam tradukis – kaj Fonto eldonis – la bonegan kaj ege legindan novelon* La alienisto.



◄ Machado de Assis

*Longan vivon al nia tradukisto el urbo Lorena, kiu konstante ankaŭ kunlaboras kun nia revuo.*

Anápolis GO

## Nova radioprogramo

*Ekde la unua de februaro la radistacio ZYC-567 elsendas duonhoran programon esperantan en la urbo Anápolis, 50 km dista de Goiânia, la ĉefurbo de la provinco Goiás.*

*Gvidas la programon Siloé Evangelista, el Goiânia, helpate de aliaj gesamideanoj. La esperantaj elsendoj estas ero de la programo reĝisorata de Ícone – Instituto de Spiritisma Soci-Komunikado. La esperanta programero elsendiĝas ekde la 6:30 vespere, ĉiusabate.*

Uberlândia MG

## Plia leĝo por Esperanto

*Proponita de la urba konsilanto Carlos Alberto Jorge kaj jam sankciita de la urbestro, Virgílio Galassi, Uberlândia nun havas leĝon kiu permesas la instruadon de Esperanto en la urbaj lernejoj, ekde la 5-aj klasoj de la unua grado. Ni atendu ekde nun la konkretajn paŝojn de la tieaj e-instruistoj por la aplikado de la leĝa permeso, sub la gvidado la samideano Luiz Antônio Pereira, instruisto pri historio kaj Esperanto.*

Faka Asocio

## Nova estraro de AME

*Je la 12-a de decembro 2000 elektiĝis la nova estraro de AME – Monda Spiritisma Asocio, inter kies celoj estas la distribuado de spiritismaj libroj en Esperanto. Alia interesa flanko de ĝia laboro estas la eldono de spiritismaj libroj en naciaj lingvoj surbaze de la esperanto-eldonoj. Laŭ tiu ĉi vojo jam eldoniĝis verkoj en la albana, hungara kaj bulgara. La nova prezidanto de AME estas André Goes.*

Maceió AL

## Intervjuo

*La plej grava amaskomunikilo de la provinco Alagoas, TV-Gazeta, dissendis 3-minutan intervjuon kun Aristóphio Alves Filho, Neider Jatobá kaj Abel dos Anjos. La dissendo okazis dufoje (matene kaj tagmeze) la 16an de januaro, ĝuste en la tago kiam komenciĝis rapida E-kurso. La reago estis bonega: multe da homoj telefonis al la organizantoj de la kurso en la tago mem de la intervjuo kaj en du sekvaj tagoj.*

Sporto

## La venko de Esperanto

*Ne temas pri la fina venko, sed ja estas ia bona kaj grava venko! La 25an de novembro la teamo Esperanto Tchoukball Club de São Paulo vojaĝis al Curitiba por ludi amikece kontraŭ la loka teamo de PUC-Curitiba. Tie ĝi ĝuis bonegan etoson kaj venkis la lokan teamon je 54 x 33. Tri esperantistoj de Curitiba estis tie por apogi la e-teamon kaj por disaŭdigi kodiskojn en Esperanto dum la intertempoj.*



Vojaĝo

# Turistoj ne, vizitantoj


Foto: Carlos Maria

Boris, Henryka, Gerard kaj Veronique(maldekstre dekstren sur la foto). Ili estas francoj, sed kiel ĉiu lerta esperantisto, ili sentas sin mondcivitanoj kaj per Esperanto vojaĝas tra la mondo; en Brazilo, kiun ili ankaŭ vizitis, okazis ilia hazarda interkonado en Bona Espero. Malgranda mondo, ĉu ne?
Ambaŭ paroj unue vizitis Afrikon.En Tanzanio Boris kaj Veronique restis tutan semajnon en vilaĝo kie estis nek akvo, nek elektro, nek gaso. Laŭ ili plej viglas la e-movado en Sud-Afriko, tamen tie la etoso estas iom pesimisma kaj ne okazas renoviĝo. Afrikaj esperantistoj havas tre interesan vidpunkton pri Esperanto: kian plibonigon Esperanto alportos por niaj vivkondiĉoj? Kaj la fakto estas, ke la simpla lernado de Esperanto, eĉ sen la ideala praktika aplikado, plilarĝigas ilian horizonton, kaj tio estas ja unu el la plibonigoj prirevataj. Alia interesa afero estas, ke Boris kaj Veronique korespondas kun grupo de infanoj lernantaj Esperanton. La perkoresponda rakontado pri ilia aventuro tra la mondo helpas la infanojn lerni la lingvon.Gerard kaj Henryka en Afriko same spertis multe da interesaj travivaĵoj. Ili aktivas ĉe la Francaj Verduloj. En Brazilo ili partoprenis la Forumon ĵus okazinta en Porto Alegre. Pri brazilanoj jen interesa komparo: laŭ ili niaj ĝeneralaj trajtoj estaj similaj al tiuj de ĉinoj. Por ekzemplo, "brazilanoj kaj ĉinoj ne scias esplori mapon kaj komplikigas simplajn aferojn". Pri Fortaleza, urbo de la venontjara UK, ili parolis mirindaĵojn. Laŭ Gerard, la inoj el Mongolio estas la plej belaj el la mondo.Por ambaŭ paroj, vojaĝi per Esperanto estas ja ĝuinda afero, des pli kiam oni utiligas Pasportan Servon de TEJO, kiu ege faciligas la vivon de la vojaĝantoj. Kiel asertis Gerard kaj Henryka, per Esperanto kaj Pasporta Servo ili estas ne turistoj, sed vizitantoj. Tre bela kaj vivoplena fariĝas la mondo por esperantistoj, ĉu ne?

Descalvado SP

# Bona najbaro

Kun la celo stimuli la disvolviĝon de E-movado en la regiono, Kultura Centro de Esperanto, de Ribeirão Preto, plian fojon okazigis renkontiĝon en la ĵusa 14-a de januaro, ĉi-foje en Descalvado. En ĝi partoprenis 22 homoj, el la urboj Descalvado, Ribeirão Preto, Campinas kaj São Paulo. La prelegantoj estis la jenaj: Glória Galli (Pri Esperanta Literaturo), Mariangela Moreira (Misetikaj aspektoj de la angla avantaĝo), Neusa Priscotin (Avantaĝoj de komputilo por Esperanto), Edmea Vilela (Ĝeneralaĵoj pri literaturo), Izao Carneiro Soares (Utiligo de Pasporta Servo por profesia laboro), kaj fine Fernando Fernandes parolis pri siaj planoj por Descalvado. Márcia, la ĉarma sekretariino de KCE gvidis la artan programeron.



Bulteno

# Utila por esperantistoj

La e-anarkiisto Manoel Aguilera Júnior, el Campinas, konstante fosas sian sulkon per inteligenta laboro, nome, la eldonado de la bulteno Lingva Folio, kun tre utilaj informoj pri lingvaj problemoj, kompilitaj el la nacia gazetaro. En la 42-a numero, flanke de la kutimaj aferoj aperis la bona artikolo La anarkiismo de Noam Chomsky. Usona lingvisto maldesktrule engaĝita, Chomsky famiĝis pro sia ofta kontraŭstaro al la usona politiko, por ekzemplo kaze de la milito en Vjetnamio.


Noam Chomsky

Porto Alegre RS

## Monda Socia Forumo: Ĉu alia mondo eblas?

*Kun la devizo "alia mondo eblas", okazis en Porto Alegre la unua Socia Forumo kiel kontraŭpunkto al la Ekonomia Forumo de Davos. De la 25-a ĝis la 30-a de januaro 2001, 3000 delegitoj reprezentantaj milojn da sindikataj, religiaj, ekologiaj kaj homrajtaj organizoj pridiskutis kiamaniere forigi la malriĉecon, militojn kaj sociajn maljustecojn alportitaj de la novliberalismaj politikoj, altruditaj ĉefe al triamondaj landoj.*
*Krom tiaj delegitoj partoprenis la Forumon ĉirkaŭ 10000 aliaj aktivistoj de pli ol 120 landoj.*
*La temoj debatitaj prezentiĝis je kvar aksoj: La socia reproduktado kaj riĉecproduktado, Liverado de riĉeco kaj ekonomia elteneco, Starigo de la civila socio kaj de la publikaj spacoj, Politika povo kaj etiko ĉe nova socio.*
*La francaj geesperantistoj Gérard Paing kaj Henrika Olek estis la nuraj samideanaj delegitoj. Ili aliĝis kiel anoj de la Verda Partio.*
*Tiuj du delegitoj kune kun la lokaj esperantistoj faris intensan distribuadon de E-reklamiloj.*
*Tiaj forumoj estas bona ŝanco por montri la utilecon kaj la neceson de lingvo internacia. La neŭtraleco de Esperanto ne povas esti baro al ĝia diskonigado. Multaj forumantoj kredis, ke Esperanto estas mortinta lingvo. Sed en la junulara tendumarejo estis kelkaj anarko-punkoj kiuj sciadis pri Esperanto.*




▲ Esperantistoj en la forumejo

Eldonado

## Ramatis en nia lingvo

*La eldonejo Editora do Conhecimento lanĉis libroforme en Esperanto la ĉapitron de la verko* La postivado de la spirito, *kiu pritraktas la zamenhofan lingvon sub ne komuna aspekto, almenaŭ por ne spiritistoj: la movado por Esperanto en la transtomba mondo. La libro - La misio de Esperanto - estis profesie editorita kaj havas belan kovrilon. Tradukis ĝin en Esperanton Giussepe Grattapaglia, kaj la revizion faris Lício de Almeida Castro kaj B. Godoy Paiva.*




R$ 12,00
Ĉe BEL-libroservo.

Curitiba PR

## Furora Tago de Esperanto

*Ekde pluraj jaroj Curitiba ne estas spertinta tiel furoran Tago de Esperanto. Entute 54 homoj ĉeestis la solenan vespermanĝon, omaĝe al la Zamenhofa Tago, kaj travivis mirindan etoson.*
*Malgraŭ bedaŭrindaj mankoj, pro vojaĝoj kaj aliaj kompromisoj, la Esperanto Movado en Curitiba estis bone kaj bunte reprezentita de ĉiuj lokaj organizaĵoj. Jene disvolviĝis la programo: unue, la akceptado; post, prelegetis Marcos B. Carreira pri la graveco festi la Tagon de Esperanto kaj arigi la esperantistaron. Rodrigo Prado, BEJO-Vic-prezidanto, pri la ekster oficiala E-movado en Curitiba dum la lastaj 3 jaroj - ĉefe pri VEK kaj Kuritiba E-Movado. Glória Lúcia Perine, kiel prezidantino de PEA, parolis pri la oficialaj lastaj okazaĵoj por la E-movado en Curitiba kaj Gert Drucker, kiel vic-prezidanto de PEA, parolis pri sia sperto dum iama juna renoviĝo de la E-movado. Post la paroladoj, Gert Drucker donacis 5 kodiskojn de li mem registritaj al BEJO, kun paroladoj de gravaj esperantistoj dum UK-oj. Rodrigo Prado ilin ricevis nome de la organizo; sekve al tio, estis legita de Milene Veronese la* Preĝon sub la Verda Estandardo *kaj tuj antaŭ la vespermanĝo oni kantis la himnon de Esperanto.*

# Alberto Santos Dumont (Dua parto)

Jozefo J. Lunazzi





Fiziko estas scienco kiu studas materiajn kaj energiajn faktojn per eksperimentoj el kiuj oni povas dedukti la rezulton de faktoj okazontaj laŭ similaj kondiĉoj. La rezulto de la analizo de la eksperimentoj estas dokumentoj (sciencaj artikoloj), kaj se la artikolo estas bone verkita oni ĉiam povos refari la eksperimentojn laŭ tute similaj kondiĉoj, kio estas gravega ebleco. La kronologio de la eksperimentoj interesas malmulte, nur en la fako "historio de fiziko". La homa partopreno en la eksperimento okazas nur per kontrolado kaj mezurado, kiun oni konsideras sendependa de la specifa homo kiu faras ĝin.

Historio, estante scienco kiu studas kronologie la pasintajn eventojn de la homaro kaj la sociajn faktojn, havas similajn sciencajn traktojn, sed havante la grandan malfacilon ne povi refari la eventojn, ĝi devas uzi nur la dokumentojn. Kaj la dokumentoj povas ricevi la influon de la specifa homo kiu faris ĝin. Ambaŭ sciencoj kredas je la ekzisto de unu nura fakto, unu nura vero, sed en la ĵus pasinta okcidenta jarcento oni devis agnoski, por solvi logikajn problemojn, ke la vero de fiziko estas proksimebla sed neniam perfekte atingebla. Ne pro manko de la fizikistoj, sed pro fundamentaj kialoj.

Kiel fizikisto, kiu ludas kiel historiisto, mi certe povas erari, sed kiel ordinara homo, kiu volas scii pri historio kaj perceptas la malfacilon akiri dokumentojn,



La fama, por brazilanoj, 14-Bis

mi verkas tiun artikolon kredante povi helpi aliajn homojn (ne historiistojn) per informoj kiujn mi posedas. Se oni devas honeste juĝi kverelon, oni unue aŭskultas unu interesitan parton, poste la kontraŭan parton, poste aliajn atestantojn kaj ankaŭ respondeculojn pri la afero, kaj finfine klopodas atingi la deziritan veron. Ju pli oni faras la juĝan laboron, des pli oni perdas la kapablon ricevi senperajn informojn de atestantoj kiuj travivis la aferon. Ju pli da interesoj dependas de la rezulto de la laboro, des pli da malvero povas atingi la atestojn. Mi povas en tiu fina artikolo nur transdoni informojn pri atestoj el la apogantoj pri Santos Dumont , akiritaj per dokumentoj verkitaj de ili mem, sen kompletigi la taskon juĝi, eĉ se mia opinio estas nur bazita sur fido al tiuj dokumentoj.

Surprizis min, ke mi ne povis aĉeti aŭ trovi en biblioteko en mia urbo (Campinas-SP) la libron verkita de Santos. Finfine mi solvis la problemon kaj povas raporti al vi por ke vi konstatu la unuan teknikan mencion kiun li faris al lia unua aviadilo nomata 14 bis: 10 m longa, 12 m larĝa, 80 kvadrataj metroj surfaca kaj kunportante 24 HP motoron. Li diris,ke la unua flugo esti nur 60 metrojn longa kaj pro tio kelkaj konsideris ĝin kiel nura salto. Tial li faris, la 23an de oktobro 1906, antaŭ scienca komitato kaj granda publiko, flugon longan je 250 metroj. Li asertas, ke ĉiu ĵurnalo de la mondo, eĉ usona, rekonis tion kiel pruvo ke maŝino pli peza ol la aero povis leviĝi kaj resti en la aero. Li mencias ankaŭ flugojn okazintajn dum la sekva jaro (1907) fare de Farman kaj de Bleriot, kaj ke nur du jarojn poste la mondo sciis pri flugo de Wright. Li skribis "Kion dirus Edison, Graham Bell aŭ Marconi se, prezentita publike la elektra lampo, la telefono aŭ la sendrata telegrafio, alia inventisto aperus montrante plej bonan aparaton dirante ke konstruis ĝin unue?

Vi jam povas kontakti, kara leganto, pri malkongruo de la informoj dokumentitaj de Santos Dumont fronte al la informoj plej oftaj de enciklopedioj. Kune kun la kontraŭdiro inter enciklopedioj la afero fariĝas pli interesa, ĉu ne?

La libro havas plurajn interesajn rakontaĵojn, kiel interesa estis la vivo de Santos Dumont, kaj oni eĉ havas agrablan romanon bazita sur lia vivo. Sed tiu artikolo ne temas pri anekdotoj, plej gravajn menciojn ni trovas ankoraŭ en libro fare de Henrique Dumont Villares, atestanto pri la vivo de lia onklo. En *Quem deu asas ao homem* (Kiu donis flugilojn al la homaro) li mencias pri C. Ader, kiu estis subvenciita de la ŝtato, perdis tiun subvencion post la fina eksperimento, kaj neniam refaris la aparaton. Li skribis ankaŭ pri Wright al kiuj nur post multe da jaroj oni agnoskis en Usono la inventadon de la aviadilo, sur baze de ilia propra skribado en privata taglibro. Ĝi mencias pri ili ankaŭ la jenon: en 1904 ili petis patenton por aparato sen motoro, stranga fakto por kiu jam estus fluginta per motora aparato. En 1905 ili petis apogon de la usona ministerio pri milito, kies nea respondo postulis la pruvon ke aparato povus flugi horizontale kaj kunportante gvidiston. En 1906 ili klopodis vendi flugaparaton en Francio, sensukcese. En la sama jaro ili petis informojn kaj desegnaĵojn de la aparato de Dumont, kaj ne diris, ke ili jam havas aparaton, kiu flugis. En 1908 ili finfine montris la aparaton en Eŭropo, uzante mekanikan eksteran aparaton por ekflugigi ĝin. Alia indiko pri la nepraveco de la historio fare de Wright estes ke, se ili volis monon, neniam partoprenis konkursojn kiuj donis ravajn premiojn por flugmaŝinoj: okazis en 1904 en ekspozicio ĉe Saint Louis, Usono, proksime de Dayton, kie estis la fratoj Wright, konkurso kun grava premio, kiu ne postulis la cedon de rajtoj pri la ekspoziciata fluganta venkinta aparato.



Alberto Santos Dumont

Nu, malgraŭ leĝo kiu ege malfaciligas la disvastigadon de la homara kono, la menciita libro de Santos Dumont aperas kiel fotokopioj bitigitaj laŭ minimuma kvalito en TTT-paĝo depost pasintjara Aŭgusto. Sufiĉas serĉi pri *O que eu vi, o que nos veremos* por trovi ĝin. Unu el la nunaj adresoj estas: *http://geocities.com/lunazzi/SantosDumont/SantosDumont.htm*

En novembro de 2000 oni finfine reeldonis la libron! Mi esperas, ke multe da homoj legos ĝin kaj, aliflanke, ke la temo daŭru kaj estu eĉ pli disvastigata de la esperanta movado, ankaŭ en Nordameriko kaj ĉefe en Usono, kie malpli facila ŝajnas esti la atingo de la ne oficiala vidpunkto. La nura libro pri Dumont en Esperanto estas ankaŭ senpaga kaj trovebla en interreto per *www.esperanto.cc* ene de "Projekto Kelter".

Mi bezonis tiun artikolon por klarigi la mian antaŭan, ĉar ĝi estigis polemikon. Vi scias nun la fundamentojn de mia opinio (povas esti ke la kono de pli bonaj dokumentoj ŝanĝos ĝin). Mi dankos al tiu, kiu aldonus informojn.

*Referencoj:*


*"Alberto Santos Dumont", J.J. Lunazzi, Brazila Esperantisto No 310 p.7 Marto 2000*

*"La unuaj aviadistoj", G. Ledon, Brazila Esperantisto No 310 p.9 Marto 2000*

*"O que eu vi, o que nós veremos", A.Santos Dumont, ed. Typographia Piratininga, 1918.*

*"O que eu vi, o que nós veremos", A.Santos Dumont, ed. Fundação Projeto Rondon 1986.*

*"Quem deu asas ao homem", H. Dumont Villares, ed. Instituto Nacional do Livro, 1957.*

*"O brasileiro voador", M. Souza, ed. Marco Zero 1986.*

*Leĝo pri eldonaj kaj aŭtoraj rajtoj, postulas ĝian validon ĝis 70 jaroj post la morto de la aŭtoro.*

*"O que eu vi, o que nós veremos", A.Santos Dumont, ed. Hedra, 2000.*

*"Santos Dumont - La Aerpioniro", A. Brigole, 1945*





# Brasília

## La urbo

Inaŭgurita en 1960 de Juscelino Kubitschek, tiama prezidento de Brazilo, Brasília estas planita urbo konstruita por esti la nova ĉefurbo de Brazilo (antaŭe estis Rio de Janeiro). La urboplanadon faris Lúcio Costa kaj la arkitekturan projekton Oscar Niemeyer.

Nuntempe ĝi enhavas proksimume 2 milionojn da enloĝantoj kaj situas centre en Brazilo.

Inter la pluraj vizitindaj lokoj troviĝas kaj la Nacia Parlamento (supra foto) kaj la Katedralo de Brasília (malsupra), kie inkluzive jam okazis meso en Esperanto.

Laŭ Niemeyer, la maro de Brasília estas ĝia ĉielo.





## La movado

Esperanto estas instruata ĉe Esperanto-Asocio de Brasília, Taguatinga Esperanto-Klubo, Centro Interlerneja de Lingvoj, Kooperativo de Instruado de Fremdaj Lingvoj, krom en kelkaj aliaj individue iniciatitaj kursoj. La e-kursoj ĉe la Akademio de la Civila Polico bedaŭrinde ne okazis pasintjare.

Ofte okazas dimanĉaj mantenkafoj en TEK kaj EAB, ekskursoj kaj monataj prelegoj.

Jara bankedo okaze de Zamenhof-tago kunsidigas ĉirkaŭ 150 homoj.

Vigla aktiveco en la sidejo de Brazila Esperanto-Ligo laborigas skipon de volontuloj kaj profesiaj deĵorantoj. Certe la estonteco de Esperanto en la brazila ĉefurbo estas garantiata.

# Prezidenta mesaĝo



Karaj legantoj,

Alvenis la novjaro kaj kune kun ĝi, la tria jarmilo. Ili alportis al ni, ne nur fidon pri pli bonaj tagoj, sed ĉefe iniciatemon por la realigo de novaj entreprenoj.

En niaj BEL postenoj, ĉiuj ni klopodis fari la eblon. Ne ĉiam ni sukcesis , sed la klopodoj valoris la penon, ĉar ni lernis, ke la bataloj forĝas la karakterojn kaj konsekvence ni fariĝas pli preparitaj por aliaj pli gravaj taskoj. Ene de Ligo, atentante paŝo post paŝo la marŝon de nia movado, ni konvinkiĝas ke ĝi estas natura progresa fenomeno de la nuntempa vivo kaj ne ekzistas en la mondo, fortoj kapablaj bari la Esperantan elvoviĝadon.

Ni estas plene konvinkitaj ,ke eĉ se okazus kataklismo kiu detruus du trionojn de la homaro, ankoraŭ tiel Esperanto supervivus, pere de la riĉa literaturo dissemita tra la tuta mondo.

Kaj la konfido pri senmorta idealo helpas nin daŭrigi nian marŝadon spite la sinteno de la indeferentuloj kaj la antaŭjuĝoj de homoj alkroĉitaj al la pasinteco, ĉiam kontraŭaj al la novaj ideoj aŭ inventoj.

Tio okazis reage al la vagonaro, la telefono, la aŭtomobilo, la elektra lumo, al ĉio , kio fariĝis poste nepre necesaj por la komforto de la homaro. Sen malkuraĝiĝo do, ni marŝu ĉiam antaŭen!

*Osvaldo Pires de Holanda*

# Oficiala Komunikoj

## Elekto de nova estraro

Laŭ sia statuto, Brazila Esperanto-Ligo ekhavos novan estraron kaj kontrol-konsilantaron, elektotaj kaj enpostenigotaj kadre de la 37-a Brazila Kongreso de Esperanto, okazonta en Brasília, de la 15-a ĝis la 20-a de julio 2001.

Rajtos voĉdoni ĉiuj individuaj kaj asociaj membroj de BEL, pagintaj la ĉi-jaran kotizon kaj la dumvivaj membroj.

Interesatoj pri partopreno en la nova estraro, por 3-jara oficperiodo, devas organizi nomaron kaj liveri al BEL-sidejo la jenajn informojn: nomo de la kandidataro, nomoj de la kandidatoj, aĝo, adreso kaj postulataj postenoj de la kanditatoj.

Por faciligi la preparlaborojn de la balotado, gravas ke oni liveru ĉiujn petatajn informojn ĝis la 31-a de majo.

## Vendo-formoj ĉe la libroservo

Pro la ofta utiligado de ĉekoj postpageblaj en la komercado, BEL-libroservo adoptis ankaŭ tiun formon je pago. Nun eblas pagi per la jenaj manieroj:

. Kontantaj vendoj: pagado per mono, ĉeko, kreditkarto aŭ banka depono (Banco do Brasil, bankejo 0452-9, kontnumero 402.706-X)

. Kreditaj vendoj: laŭ interkonsento kun la libroservisto, postpageblaj ĉeko por 30 tagoj.

**Teksto de** *Gacy Simas* **Desegnoj de** *Elison* **Traduko de** *Valério Rodolfo*

# Ĉieestanteco

Jarmila tradicio daŭrigas sian fluon sub la atentaj, mirplenaj kaj iugrade scivolaj okuloj de ulo ĵus alveninta en la monarĥejon.

Dum la monarĥoj eniralvenis en la salonon per ritma kaj trankvila paŝado, mi observis iliajn vestaĵojn. Tiu vestaro estis simpla, sed iĝis viva kaj pompeska en la kunteksto.

Miaj pensoj vagadis imagante demandojn senkoncernajn en cerimonio kiel tia. Novaj monarĥoj estas sorontaj al pli altaj gradoj, mi supozis. Nu, se temas pri supozoj, kiel mi estis alveninta tien? La ularo estis tiom koncentrita, spirite enmemiĝinta, ke ŝajne oni ne vidis min...aŭ ĉu fakte oni ne vidis min?

Mi alrigardis min. Mi ne povis ne pensi, ke se estus la malo, kaj mi estus enviciĝinta inter la monarĥoj, mi perceptus alian personon, tiom misenkadrigita en tiom harmonia fono.

Nu, ĉar mi tiom misharmoniis, okulumado de iu monarĥo kaptis min, kvankam li estis ĉe la alia flanko de la salono.

Mi ne scias, ĉu mi lin ridedante komplimentos aŭ ne. Laŭdube, pli bone estos simuli, ke mi ne lin vidis.

Mi klopodas atenti pri la cerimonio, sed la monarĥa rigardo persekutas min. Ĝi igas min malkoncentrita. Mi ŝatus plu resti nevideble.

Pensante bone, estas neniel troe rigardi aliulon. Mi ĉesis pensi kaj ekiris en lian direkton, por prezentiĝo. Apenaŭ mi faris tri paŝojn kaj mi estis tuj antaŭ li. Kial li ne ekstaras? Kia manko de edukiteco! Estunte li, mi estus ekstarinta.

Nu, ĉio bone...mi eksidos antaŭ li por elmontri mian amikecon kaj simplecon.

Mi rekte alrigardis liajn okulojn. Ŝajnas al mi, ke li ne vidas mian vizaĝon, sed mi sentas min tute malkovrita. Lia rigardo estas profunda kaj konfortiga. Li aspektas pli maljuna ol antaŭe. Li ŝajnas al mi pli feliĉa, familia. Pluaj monatoj fluis... aŭ ĉu temis pri jaroj? Ne gravas!

Perpleksa kaj scivola junulo alproksimiĝis montrante sin aroganta. Certe li opiniis min seneduka homo, ĉar mi ne ekstaris por komplimenti lin. Mi lasos, ke li komprenu la grandiozecon kaj la valoron de la humileco. Kiam tio okazos, li eksidos antaŭ mi...

Fino

# Muzikaj notoj

Cícero Soares


Foto: Interreto

En la komenco de la 80-aj jaroj, diversaj junaj grupoj ekaperis sur la brazila muzika scenejo. Ili ekspluatis rok'- kaj pop-stilon, plej ĝenerale.

Kompreneble, la plimulto malaperis post kelkaj monatoj. Nur tiuj bonkvalitaj daŭre atingis sukceson. Inter tiaj brilas Paralamas do Sucesso.

Ilia unua disko, de 1983, vere pli aŭdiĝis ol vendiĝis. Tamen, ekde tiam Paralamas lanĉis unu diskon post alia, atingis rekonon enlande kaj eksterlande, kaj progresigis sian muzikan bazon per aliaj stilaj influoj, interalie el regeo. Sammaniere maturiĝis la tekstoj de iliaj kanzonoj.

La nuna prezentaĵo apartenis al ilia disko *Selvagem?*, de 1986, kiu vendiĝis je unu miliono da ekzempleroj en Brazilo. Ĝi kalkulis je la partopreno de nia famkonata muzikisto Gilberto Gil, kiu kunkantis kelkajn muzikojn, kaj donacis al ili la poemon A Novidade.

Gil ofte direktas sian rigardon al sociaj temoj. Ĉi-kaze, la profundajn ekonomiajn malekvilibrojn de Brazilo montras la malsimilaj manieroj, per kiuj oni rigardas marvirinon kiu subite aperas sur strando.

La melodion verkis Barone, Bi Ribeiro kaj Herbert Vianna, nome, Paralamas do Sucesso.

## La Novaĵo*

*Novaĵo ekaperis ĉe la plaĝo*
*En la malofta formo de sireno*
*Duono - brusto de anĝela ino*
*Duono - vosto de bela baleno*

*Novaĵo plej maksimuma*
*Sursabla rava rida kuŝ-paradokso*
*Deziris unu ŝiajn kisojn diinajn*
*Alia volis vespermanĝi la kokson*

*Ho, monda plej malegal'*
*Ĉie ĉi malegal'*
*Ho, ho, ho, ho!*

*Ĉi flanke jen karnaval'*
*Apud mizera mal*
*Ho, ho, ho, ho, hoo!*

*Do la novaĵo kiu estus revo*
*Mirakla rido de marvirineto*
*Koŝmare ĝi fariĝis songô-krevo*
*Ĉe paradizo sur sabla tapeto*

*Novaĵo estis milito*
*Inter la malsatulo kaj la poeto*
*Sireno iĝas ia dispecigito*
*La songô iĝas frakasita portreto*

**A Novidade, trad. Cícero Soares*

# La aĝoj de la homo

*Raymond Schwartz*

*En supra ĉambro, lulo...lulo...*
*Anĝele dormas la etulo:*
*Etaĝo.*

*Sed baldaŭ li el dorm´ sin ŝiras*
*Kaj pri la bela mondo miras:*
*Miraĝo.*

*Jam ne plu side li tamburas,*
*Sed tra la dom´ esplore kuras:*
*Kuraĝo.*

*Kun vundoj li (kaj sen rubandoj)*
*Revenas el stratbubaj bandoj:*
*Bandaĝo.*

*Kaj baldaŭ sekvas li kun ĝojo*
*Knabinon ĉien sur la vojo:*
*Vojaĝo.*

*Al ŝi li donas sian nomon*
*Por fondi kune novan domon:*
*Domaĝo.*

*Li tiam estas tre utila*
*Fortika viro, kvankam vila:*
*Vilaĝo.*

*Kaj post rapida tempopaso*
*Postrestas nur senviva maso:*
*Masaĝo.*

P.S.
Ni ne apliku al Virino
Ĉi tiun viv- kaj rimo-saĝon,
Ĉar de l´ komenco ĝis la fino
Ŝi ĉiam havas saman aĝon:
Avantaĝo.



# Lernu skribi sur la sablon*

Malba Tahan

Du amikoj, Mussa kaj Naĝibo, vojaĝadis tra la longaj vojoj tranĉe konturantaj la tristajn kaj ombrajn montojn de Persujo.

Ili estis noblaj kaj riĉaj Sinjoroj kaj estis sekvataj de servistoj, helpantoj kaj karavanistoj.

Iumatene ili alvenis ĉeborde de granda argilhava rivero.

Estis nepre necese trapasi la danĝeran fluon.

Okazis, ke, saltante de unu el la ŝtonoj, Mussa ne havis bonŝancon kaj falis en ŝaŭmantan akvoturniĝon. Tie li estus mortinta se ne okazus la tuja interveno de Naĝibo, kiu senhezite sin ĵetis sur la fortan fluon, savante sian kunvojaĝanton.

Kion faris Mussa?

Ordonis al la plej lerta el siaj servistoj, ke li gravuru sur ebena surfaco de ŝtonego, tie staranta, tiun ĉi admirindan surskribon:

***Preterpasanto***

***Ĉi tie, kun danĝero de sia propra vivo, Naĝibo heroe savis sian amikon Mussa.***

Tio farinte, ili daŭrigis kun siaj karavanoj tra la senfinaj vojoj de Alaho.

Post kvin monatoj, vojaĝreturne, denove renkontiĝis la du amikoj sur la sama danĝera kaj tragika loko.

Kaj ĉar ili sentis sin lacaj, tial ili decidis ripozi ĉe la agrabla ombro de tiu ŝtonego, sur kiu estis gravurita la honora surskribo.

Sidiĝintaj ambaŭ sur la klara sablo, ili ekinterparolis.

Jen pro frivola motivo subite ekaperis serioza malkompreniĝo inter la du amikoj.

Ili malakordiĝis kaj diskutadis. Naĝibo, forte ekscitita, senpripense kruele vangofrapis sian amikon.

Kion faris Mussa?

Kion vi farus en lia situacio?

Mussa ne venĝis al la amiko la ofendon. Li stariĝis kaj, trankvile, prenante sian bastonon, per ĝi skribis sur la klaran sablon ĉe la nigra ŝtonego:

***Preterpasanto***

***Ĉi tie, pro frivola motivo, Naĝibo profunde ofendis sian amikon Mussa.***



Surprizite pro tia stranga konduto, unu el la helpantoj de Mussa respekte alparolis:

"Sinjoro! Je la unua fojo, por ekzalti la abnegacion de Naĝibo, vi ordonis gravuri por ĉiam sur ŝtono la heroan agon kaj nun, kiam li faris al vi tian perfidan ofendon, vi kontentiĝas per simpla skribaĵo sur la ŝanceliĝanta sablo, kiel registro de tia malbona ago.

La unua surskribo, ho Ŝejko, restados por ĉiam kaj ĉiuj, kiuj trapasos ĉi tiun lokon, ekscios pri la okazintaĵo; la alia, skribita sur la sabla tapiŝo, antaŭ la sunsubiro estos malaperinta kiel ŝaŭmostrio inter la petolemaj marondegoj."

Responde diris Mussa:

"Estas simpla la kialo. La bonfaro, kiun mi ricevis de Naĝibo, restados por ĉiam en mia koro, sed la ofendo... tiu malinda ofendo... estis skribita de mi sur la sablo, ĉar mi deziras, ke ĝi tre rapide estu forviŝita de tie ĉi kaj ankoraŭ pli rapide malaperu el mia memoro.

Jen estas la sublima vero, mia amiko: lernu gravuri sur ŝtono la favorojn kaj bonfarojn, kiujn vi ricevos, same kiel la afablajn, simpatiajn kaj kuraĝigajn vortojn, kiujn vi aŭdos...

Lernu do skribi sur sablo la insultojn, maldankojn, perfidojn, ironiojn, kiuj vin atingos dum la marŝado tra la akra vojo de la vivo.

Tiel vi lernu gravuri sur ŝtono, tiel vi lernu skribi sur sablo, kaj vi estos feliĉa."

*El Fonto, dec. 1980 - Trad. G.A.Goes

# Karaj gelegantoj,

*Se vi havas...*
*ion por diri, skribu al ni;*
*plendojn kontraŭ io, skribu al ni;*





*proponojn diversajn, skribu al ni;*
*movadajn demandojn por fari, skribu al ni;*
*laŭdojn aŭ kritikojn al la laboro de BEL,*
*skribu al ni.*

*Ni tre ŝatas skribemajn legantojn, kaj aperigos iliajn leterojn laŭ la disponebla spaco. Ni rezervas al ni la rajton resumi leterojn aŭ tute ne aperigi ilin. Do, klopodu skribi koncize. Ni atendas viaj leterojn, ĉu per la helika poŝto, ĉu per interreto.*

*Jen nia adreso:*

**Redakcio de Brazila Esperantisto**
**Sekcio "El nia leterkesto"**
**Caixa Postal 03625**
**70084-970 Brasília - DF**
bel@esperanto.org.br



## ANONCETOJ

*Senpage aperigu vian anonceton. Ni ne garantias tujan aperigon. Skribu klare, preslitere, kun sufiĉaj informoj pri vi kaj viaj preferoj. Skribu al Brazila Esperantisto/ Anoncetoj, Caixa Postal 03625, 70084-970 Brasília-DF, Brazilo.*

**Corine Charton,** komencantino, deziras korespondi kun brazilanoj. Skribu al Villa Esperanto, Route de Rians, FR-13490, Francio.

**Alessandro Frutuoso Soares,** 29jara fraŭlo, muzikisto, deziras korespondi kun virinoj (20 ĝis 35 jaraj) pri muziko, libroj kaj filmoj. Adreso: Caixa Postal 05242, Taguatinga, 72.001-970 Brasília-DF, Brazilo.

**Esperant´USP,** kultura asocio aganta en la Universitato de São Paulo, informas sian novan adreson: A/C Prof. Dr. Osvaldo Sangiorgi, Av. Prof. Lúcio Rodrigues 443, E.C.A, sala 5-CCA (Cidade Universitária), 05508-900 São Paulo – SP, Brazilo.

**Esperant'Usp,** kies nova adreso troviĝas ĉi supre, deziras ricevi novaĵojn, bultenojn, eldonaĵojn, ktp. Ni reciprokos per la niaj.

La ŝtata institucio Centro Cultural Professor Gustavo Ritter, en Goiânia, fondis bibliotekon, en januaro 2000. Libroj **pri Esperanto** en la portugala, angla, franca kaj hispana lingvoj estas bonvenaj. Sendu ilin al: Centro Cultural Prof. Gustavo Ritter, Doação para a biblioteca, Rua Marechal Deodoro da Fonseca nº 237, Campinas, 74520-040 Goiânia-GO, Brazilo.

Nepre aliĝu al nia diskutlisto Esperanto-br, en la portugala pri Esperanto. Pliaj informoj ĉe http://groups.yahoo.com/group/esperanto-br

Abonu la gazeton Espero Katolika kaj aliajn ĉe la abonservo de BEL. Infomiĝu pri ĉiuj aboneblaj periodaĵoj kaj faru tuj vian elekton. BEL, Caixa Postal 03625, 70084-970 Brasília-DF, bel@esperanto.org.br

Fonto, literatura revuo estas ja aboninda. Nepra legaĵo por ĉiuj, kiuj ŝatas ĝui bonan literaturon. Nur R$ 30,00 jare, ĉe BEL.

# Ĝuinda urbo invitas vin

Brasília estas monumento de la okcidenta urboplanado, agnoskita de UNESKO kiel Posedaĵo de la Homaro. En ĝi okazos julie plia brazila kongreso de Esperanto, la 37-a, kies ĉeftemo celas esplori startpunktojn por konstruado de ponto al Oriento, pere de transnacia lingvo.

Nu, pontojn inter civilizoj oni ne konstruas per fero kaj cemento, sed per kultura dialogo. Do unuapaŝe al tio, la temo *Dialogo Oriento/Okcidento: la rolo de Esperanto*, kongruanta kun la *Internacia Jaro de la Dialogo inter la Civilizoj*, de UNESKO, kondukos la kongresantojn per ĉefsesio kun Renato Corsetti, vicprezidanto de UEA, Evaldo Pauli, profesoro pri filozofia ĉe Federacia Universitato de Santa Catarina kaj tria invitato ankoraŭ

**Ĉeftemo**

## *Oriento estu intelekta kaj amikiga aventuro por ni*

*Kial ni, brazilanoj, lernas Esperanton? Ĉu ni estas insulo ĉirkaŭata de pluraj lingvoj? Ĉu dekoj da lingvoj malfaciligas nian enlandan ĉiutagan vivon? Nu, ĉe ni jen eblaj kialoj lerni Esperanton: alliro al malproksimaj kulturoj, starigo de pontoj inter ni kaj la cetera mondo, sen lingvaj baroj.*

*Do, la ĉeftemo de la ĉi-jara Brazila Kongreso de Esperanto – **Dialogo Oriento/Okcidento:la rolo de Esperanto** – ne hazarde estis elektita de la organizantoj de la evento, ĉar oni celis kongruon al la **Internacia Jaro de la Dialogo inter Civilizoj**, proklamita de UNESKO.*

*Nu, dialogo estas vojo, kiu havas kiel premison nian konkretan agadon. Se ni volas, ke ni el okcidenta nacio dialogu kun homoj el Oriento, ni devas elkore proponi nin por tiu dialogo, sen antaŭjuĝoj kaj sen mallernemo. Kian dialogon ni flegu? Kompreneble, dialogo inter civilizoj ne okazas nur per vortoj, per senpera komunikado. Ankaŭ la pretecon lerni en libroj pri la moroj kaj kutimoj de la orientaj landoj estas iusence dialogo kun ili. Same la akceptemo al iliaj unuavide nekompreneblaj tradicioj, al ilia tre diversa pensmaniero kaj al iliaj plej amataj kredoj konsistigas dialogon.*



Taj Mahal, en Bharato

*Do, ni kun la helpo de transnacia lingvo Esperanto faru la unuan paŝon cele al starigo de fruktodona kaj daŭra dialogo kun niaj gesamideanoj el Oriento.*

*Irako, Irano, Bharato, Nepalo, Ĉinio, Japanio, Vjetnamio, Koreio, Arabujo, Mongolio kaj ĉiuj aliaj landoj de tiu mirinda parto de nia mondo estu la akvoj el diverseco ĉirkaŭanta nian landon.*

*Ni insulo estu, sed insulo en vastega maro de la dialogo inter civilizoj.*

## *Ni korespondu kun samideanoj el Oriento: dialogo kaj amikiĝo.*

*Kiel unu el la unuaj paŝoj cele al praktika flanko de la traktado de la ĉeftemo de la 37-a BKE, ties organiza komitato proponas al ĉiuj brazilaj esperantistoj la serĉadon de korespondantoj el Oriento. Por konkretigi tiun ideon, la rolo de KSM – Koresponda Servo-Mondskala estos fundamenta. Ĝi estas servo de Universala Esperanto-Asocio kun la celo havigi al petantoj korespondantojn laŭeble konformajn al iliaj deziroj. Ĉiu korespondemulo rajtas senpage enskribiĝi. Ĉiu individuo (aŭ grupo) kiu deziras rekte ricevi adreson, aldonu du internaciajn respondkuponojn. Por simple ricevi informojn kaj aliĝilon bonvolu sendi unu internacian respondkuponon.*

*Por ricevi korespondanton oni donu jenajn informojn: 1- Familia nomo; 2- Persona nomo; 3- Viro aŭ virino; 4- Edz(in)o: jes/ne; 5- Aĝo; 6- Profesio; 7- Scio de Esperanto:bona/meza/iometa; 8- Kompleta klare skribita adreso; 9- Dezirata nombro de korespondantoj; 10- Preferata sekso/aĝo; 11- Preferata(j) lando(j); 12- Dezirata(j) temo(j); 13- Subskribo; 14- Dato.*

*La nomo kaj adreso de la komisiito de KSM estas:*
*S-ro François Xavier Gilbert*
*B.P. 6*
*FR-55000 Longeville-en-Barrois*
*Francio*



La simbolo de la kongreso

ne konfirmita, al ĝenerala pritraktado de la afero, kiu poste evoluu al konkretaj agoj.

Por la solena malfermo – en Esperanto – escepta prelego en la portugala de Luiz Signates, profesoro pri ĵurnalismo ĉe Federacia Universitato de Goiás, devos trafi ankaŭ la ne esperantistan publikon kiu nepre ĉeestos la unuan programeron de la evento.

Post tio venos programeroj tre interesaj, kiel ĉiam okazas kadre de niaj kongresoj, sed ĉi-jare novaĵeca fono estas celo persekutata de la organizantoj.

La venigo de Anna Löwenstein, Renato Corsetti, Stefan MacGill kaj Atilio Rojas, ĉiuj kun jam definitaj taskoj, donos internacian karakteron al la brazila evento, kvazaŭ preparo por la Universala Kongreso venontjare en Fortaleza.

Komencantoj ne havos motivojn por plendo: lingvaj ludoj, konversaciaj rondoj kaj ĉeflecionoj de tre kompetentaj instruistoj, inter kiuj la prezidanto de Akademio de Esperanto, Geraldo Mattos.

La trakoridora babilado kaj krokodilado finfine fariĝos oficiala programero, ĉar granda salono Babilio havos seĝojn kaj tablojn por komforta babilado, kaj tie oni eĉ rajtos ¨klaĉadi¨, improvize ¨deklamaĉi¨ kaj anekdotumi. Dum la tagmeza intertempo en Babilio oni ĝuos artajn momentojn.

Viglaj diskutoj movadaj ne povos ne okazi, ĉar nova estraro de BEL estos elektita kaj decos ĝisfunde pridiskuti novajn vojojn por la afero starte de nova jarcento (aŭ ĉu temas pri jarmilo?).

Balo kaj bankedo, promenado tra bela, moderna kaj ankaŭ amika urbo estos nepraj programeroj en la lasta tago, tuj



La televida turo de Brasília

antaŭ la ferma vespero.

Kaj ni ne forgesu, ke oni povos ĝui tri sinsekvajn artajn vesperojn: Flávio Fonseca, Merlin kaj la tradicia arta vespero. Al tiu lasta la artistoj devas anticipe aliĝi.

Ĉu ankaŭ kelkaj prelegoj? Certe jes. Kio pli? Jes, ja: la forumoj pri agado en Ameriko kaj pri la Manifesto de Prago. Kaj la ILEI-ekzamenoj, kaj la infana kongreseto sub la organizo de sperta skipo kaj la BEJO-kongreso. Ĉu io plia? Eble jes, sed ni lasu detalojn por la dua numero de la gazeto Capital do Esperanto kaj por nia hejmpaĝo, ĉe *www.capitaldoesperanto.org.br*.

Ĉu vi venos?

**Post Brasília**

## *Fortaleza salutas kaj bonvenigas*

*Silento estas oro. De la infanaĝo oni aŭdas la diron. Tamen alvenas tempo malsilentiĝi: la loka kongresa komitato de la UK-2002 salutas vin de tiu mirinde bela, sunriĉa kaj akceptema kongresa urbo.*

*Malgraŭ spertomanko pri organizado de UK ni vigle, entuziasmoplene, monitorate de UEA kaj helpate de BEL laboregas por UK en Fortaleza.*

*Guton post guto ni sciigos vin pri laborevoluo, malfacilaĵoj, kritikoj (UEAj, brazilaj...),helpbezonoj, ktp.*

*Krom saluti, tiu ĉi silentorompo ankaŭ celas bonvenigi ĉiujn brazilajn samideanojn al engaĝiĝo kaj kunlaboro (temas pri nia kongreso).*

*La ĝisnunaj demarŝoj glate survojas, laŭ ne nur nia takso sed ankaŭ de kelkaj uea-estraranoj.*

*Fortalezaj muroj, niaj brakoj kaj koroj estas komplete malfermitaj al vi ĉiuj.*

*Post la ĉi-jara brazila kongreso, en Brasília, nepre metu en vian tagordon la partoprenon en neforgesebla kongreso. Vi vidos: Post Brasília baldaŭ ni renkontos nin en la dancejo Pirata kaj en la plaĝoj Jeri aŭ Canoa...kompreneble, post vigla, riĉoplena UK-partoprenado.*

*Ĝis*

*Wandemberg Ribeiro Morais*
*LKK-prezidanto*

**www.capitaldoesperanto.org.br**



*Fabrício Valle*
Ĉefredaktoro

# Kio novas starte de nova jarmilo?

Ĉu nova jarcento, nova jarmilo, aΩtomate signifas novan ĉion?

Ĉu nia Esperanto-movado aΩtomate renoviĝos kaj akceliĝos postsojle de nova jarmilo aΩ ĉu ĝi plu paŝos lante kiel malrapide pasas jarmilo?

Kio novas en Esperantio? Ĉu nenio nova sub la verda suno?

Ĉu nia agadmaniero novumas? Ĉu nia movado ne plu estas la sama? Ĉu ni povas revi pri daΩra renoviĝo de niaj laborfortoj?

Finfine, kio novas?

AlmenaΩ pri unu afero ni povas certi: nia malnova Brazila Esperantisto novumas.

Nova redaktoro, nova grafika aranĝo, noveta eldonpolitiko (nepras iom ĉerpi el la pasintenco).

Alia atentinda novaĵo estas, ke la nova redaktoro de la oficiala organo de BEL profesie faras sian laboron. Jen novaĵo ververe nova.

Ĉu el tio sekvas, ke la brazila movado renoviĝas kaj suriras novajn vojojn, jen tute nova flanko de la afero.

Brazila Esperantisto naskiĝis en 1907. De tiam ĝis nun aperis 313 numeroj sub la gvidado de pluraj redaktoroj, multe pli kompetentaj ol la denuna.

Plej laste plenumis la malfacilan taskon redakti la gazeton niaj valoregaj samideanoj Symilde kaj Gilbert Ledon, kiuj dum 5 jaroj restigis la torĉon flamanta. Al ili ni elkore danku, same kiel al ĉiuj ceteraj ekde la plej fora pasinteco. Ĉiuj ili estis veraj kolonoj de la oficiala organo de BEL, kaj kelkaj el ili estis ja klasikuloj rilate al la kono de nia lingvo. Tamen, malgraΩtio, ke mi staras antaΩla grandega defio transpreni la torĉon post tiom da talentegaj kaj kompetentaj antaΩuloj, mi plenfide akceptas la taskon redakti nian gazeton.

Ĉu mi troe uzas la radikon nov- ?

Jes, tion mi faras intence, kvazaΩla troa ripetado estus garantio, ke fakte ni havos ekde nun novan gazeton, ke fakte neniam eblas eniri du fojojn en la saman riveron, laΩ la bela kaj saĝa aserto de Heraklito, el la malnova Grekio.

Nu, la legantoj plonĝu en la movadan riveregon, tenante kiel savbuon la legadon de novega Brazila Esperantisto.

# Pri Esperanto, Spiritismo kaj...

En Brazilo, oni ofte miksas Esperanton kaj Spiritismon, pro tio ke ekde la 50-aj jaroj – la unuajn paŝojn entreprenis la pioniro Ismael Gomes Braga – Brazila Spiritisma Federacio konstante diskonigas nian lingvon en sia revuo *O Reformador* kaj eldonas e-librojn tradukitajn el la portugala. Eble pro tio, aliaj spiritismaj organizaĵoj kaj periodaĵoj tra la lando ankaΩ apogas Esperanton kaj la plimulto el la brazilaj esperantistoj estas spiritistoj.

Nu, la agado de la spiritistoj por Esperanto estas imitinda de aliaj religianoj. Oni senpacience atendas iniciatojn de la brazilaj katolikistoj, protestantoj, atestantoj de Jehovah, mormonoj, islamanoj, budhistoj kaj ceteruloj.

Interesa laboro pri Esperanto kaj Katolikismo oni povas trovi en Interreto ĉe http://pagina.de/katolika

Ĉu vi scias pri aliaj iniciatoj kiel ĉi tiu? Nepre kontaktu nin!

# Ne gravas, se vi ne partoprenos la 37-an Brazilan Kongreson de Esperanto

## Kiel unua de nova jarmilo, vi havos novan ŝancon en julio 3001.

### Venu kaj ĝuu kaj la urbon kaj la kongreserojn

Renato Corsetti, Evaldo Pauli kaj alia korfirmota invitato en la ĉefsesio

**Anna Löwenstein,** ➤
**Stefan MacGill kaj Atilio Rojas ĉe seminarioj kaj prelegoj**

Sylla Chaves, Aristhophio Filho, Geraldo Mattos kaj Célio Freitas ĉe ĉeflecionoj kun posta asistado en la farado de ekzercoj






➤ **Flávio Fonseca kaj Merlin en la unua kaj dua artaj vesperoj.**
**Talentaj amatoroj en la tria**

**Tuttaga promenado tra bela kaj moderna urbo** ➤
Lingvaj ludoj kaj konversaciaj rondoj por komencantoj
**Video- kaj muzikĉambro**






ILEI-ekzamenoj
**Viglaj movadaj diskutoj**
Balo kaj bankedo
**BEJO-kongreso kun lokaj organizantoj**
➤ **Tre taŭga kongresejo**
**Infana kongreseto sub la zorgoj de sperta skipo**
Kaj aliaj interesaj programeroj planitaj por kontentigi kaj komencantojn kaj veteranojn.

### 37-a Brazila Kongreso de Esperanto

Brasília, de la 15-a ĝis 20-a de julio 2001

Temo: Dialogo Oriento/Okcidento: la rolo de Esperanto

Enskribiĝu tuj
www.capitaldoesperanto.org.br
Brazila Esperanto-Ligo
Caixa Postal 03625
70084-970 Brasília-DF

Organizas la kongreson

